Loa!.. Loa!.. Loa!..

Kongresa kuriero de UK-97

N-ro 1
2012-07-28
sabato

KONGRESA KURIERO DE LA 97A UNIVERSALA KONGRESO EN HANOJO, VJETNAMIO

## Festparolado

Probal DASGUPTA,
Prezidanto de UEA

Estimataj,

Ni ĉiuj niamaniere klopodas inde festi ĉi-jare la 125-jaran jubileon de Esperanto. Sed Zamenhof mem, kiam li iniciatis la lingvon, estis nur 28-jara junulo. Ni tial estas ege kontentaj povi kongresi en la jubilea jaro en lando, kiun karakterizas plejparte gejunula movado. Multaj el vi scias, ke TEJO jam okazigis ĉi tie sukcesan IJK. Parolante antaŭ tiom juna movadanaro, mi sendube aspektas arkaikule, ĉar mi komencas mian paroladon per cito el la revuo *Esperanto* de januaro 1968! Tamen komprenu, mi aparte klare memoras mian UEA-membreco-inaŭguran numeron, kaj do indulgu min, mi petas. Aperis en tiu revunumero oficiala komunikaĵo de la Akademio de Esperanto. El ĝia teksto mi citos nur unu gramatikan ekzemplofrazon, pri kiu mi petas vin pensi. La frazo tekstis “La domoj detruitaj dum la milito estos rekonstruataj en 1970”.

Pensu, mi petas. En la jaro 1968, miaj antaŭuloj en la Akademio de Esperanto konstruis gramatikan ekzemplofrazon ĉirkaŭ la esprimo “**la** milito” kun la unika kompreno, ke pri la dua mondmilito temus. Ĉu la membroj de la Vjetnama Pacdefenda Esperanto-Asocio pretis en 1968 diri “la milito” por signi alian militon ol tiun, kiu brulis ĉirkaŭ ili en Vjetnamujo kaj ĝiaj apudlandoj? Ĉu ili pretis revi, ke la domoj detruitaj dum tiu katastrofa milito estos rekonstruataj jam post du jaroj? Ĉu io doma aŭ homa efektive estis rekonstruata en la Vjetnamujo de 1970?

La gvidantoj de la Akademio de Esperanto en novembro 1967, definitivigante tiun oficialan komunikaĵon, neniel povus rimarki, ke la supozo pri la unika atentindeco de ilia eŭrope lanĉita militego jam cedas antaŭ novaj atentadoj en nova mondo. Eĉ la gejunuloj en Esperantujo neniel konsciis en 1967, ke jam en 1969 ili subskribos Deklaracion de Tyresö, kaj ke el ĝi sekvos drasta remuldo de Universala Esperanto-Asocio mem. Tamen, ĝuste la 30an de januaro 1968 – senrilate al la akademia teksto en la revuo *Esperanto* – la respektivaj gravecoj de la diversaj militoj de la dudeka jarcento estis draste reviziataj.

Mi aludas al tiu turnopunkta kampanjo en la vjetnama milito, kiu miakomprene portas la oficialan nomon Cuộc Tổng tiến công và nổi dậy, ‘ĝenerala ofensivo kaj sturmo’, bonvolu pardoni mian fremdulan elparolon. La okcidenta gazetaro baptis ĝin la Ofensivo de Tet, ĉar ĝi komenciĝis dum la novjara festo, dum Tet. Se mi bone komprenas, ankaŭ la vjetnama toleras la neformalan priskribon Tết Mậu Thân, ‘Tet en la jaro de la simio’, apud la oficiala nomo de tiu kampanjo. Ekde Tết Mậu Thân, ne nur evidentiĝis, ke la eksterlandaj agresantoj ne povos triumfi. Okazis io pli grava: la vjetnama popolo sinofere batalanta por sia libereco trafis la tutmondan atenton.

La tiutempa atentemo en la mondo estis juna; la gejunuloj plej angore kaj energie atentis la brulantajn temojn de tiu epoko. Iuj el tiuj atentaj gejunuloj, ekde la Deklaracio de Tyresö en 1969, transformis UEA en asocion konscian interalie pri la bezonoj kaj aspiroj de la longe ekspluatataj homoj en la sudaj landoj. Sen la ekzemplo de Vjetnamujo por veki la konsciencon de la monda junularo, eble UEA ne sukcesus jam ekde 1969 remobiliziĝi kiel asocio celanta ŝanĝi la mondon.

Ĉu mi volas lasi la impreson, ke nur per la milito mem, markita per mejloŝtonoj kiel la kampanjo Tết Mậu Thân en 1968 – aŭ la pli frua decida venko kontraŭ la franca armeo en /Điện Biên Phủ/ en 1954 – la vjetnamoj gravuris sian memorindecon en la homa historio? En la historio de la nacioj, eventuale jes. Sed la Esperanto-kongresoj ne kunvenigas naciojn; en niaj kongresoj renkontiĝas “homoj kun homoj”.



Por tion tute klare ilustri, mi nun legos por vi teksteron pri unu vjetnamino, kies kuraĝo kaptis la atenton de la korifea inisto Dorothy DINNERSTEIN kaj estas

menciita en la verko *The Mermaid and the Minotaur* (*La marvirineto kaj la minotaŭro*) de Dinnerstein. En tiu klasikaĵo de tutmonde konata usona inisto, ni legas sur p. 164 jenan teksteron – kaj mi citas:

"Vidu la memorindan scenon en la verko *La vilaĝo Ben Suc* de Jonathan SCHELL. [*Temas pri vilaĝo, kiun la usona armeo detruis en januaro 1967 dum la operaco Cedar Falls*.] Laŭ Schell, unu malgranda, tute senhelpa dommastrino de kamparana familio en Ben Suc sukcesis timigi, hontigi kaj dum momento tute haltigi la altan soldaton, kiu kun vira aplombo, reprezentante arogantan nacion certan pri sia historia rolo, venis por neniigi ŝian hejmon. Tio, kio teruris lin, estis ŝia kolera diraĵo 'Kion diable vi faraĉas en mia kuirejo!' – diraĵo klare komprenita malgraŭ la lingva baro. La leganto de Schell kaptas, ke tiu arketipa asertego de la sankteco de la hejma kuirforno portis por la soldato tonon de neignorebla virina aŭtoritato. Ĝi draste efikis sur lin kvankam li estis armita kaj senkompare pli forta, kaj kvankam tiu kuirejo estis laŭ liaj normoj nekredeble, patose senrimeda, eĉ forblovebla." Mi finas la citon el Dorothy DINNERSTEIN.

Mi reliefigas tiun mencion de vjetnama kamparanina kuraĝo ĉar ĝi revizitas kun vi tiujn sesdekajn jarojn, kiam la tuta mondo ekatentis Vjetnamujon. Sed la heroino de la rakonto de Jonathan SCHELL rerakontita de Dorothy DINNERSTEIN ne estas la sola vjetnamino, kiun ni atentu en tiu ĉi renkontiĝo de "homoj kun homoj". Mi altiru vian rigardon sur virinon prezentitan de Nguyễn Du en sia epopeo *Truyện Kiều* (La Rakonto pri Kjeŭ). Kvankam tiu ĉefrolulino Vương Thúy Kiều estis figuro pekina unue prikantita en la ĉina literaturo, tamen ĝuste la vjetnama rebildigo de ŝia tragedia sed heroa vivo delonge inspiras tutan nacion – kulture dirite, Kjeŭ fariĝis adopta vjetnamino. La epopeo nun, en esperantigita vesto, eniris la libro-serion Oriento-Okcidento kaj fariĝas tutmonde disponebla ekde ĉi tiu kongreso en Hanojo. Al la grandioza tradukinto LÊ Cao Phan kaj al la diligenta kolegaro, kiu kunlaboris kun li por inde aperigi tiun amatan vjetnaman klasikaĵon en Esperanta redono, mian aplaŭdon – kaj ankaŭ la vian, mi petas!

Post epopea suferado kaj heroa kontraŭstarado kontraŭ la agreso kaj la maljustoj, fine tamen necesas rekonstrui la domojn detruitajn dum la milito. Kaj ankaŭ se ni konsentos ignori la nerealisman jarindikon 1970, nia Akademio prave decidis jam en 1967 emfazi, ke ili estos rekonstru***at***aj. La rekonstruado de bona, sana, feliĉa vivo estas senfina tasko; oni neniam finas ĝin. Kaj ĉiam restas atentinda en tiu vojaĝo al la vera paco la rolo de la virinoj, kiuj, vole-nevole, restas niaj ĉefaj gvidantoj, kiuj "en laboro paca ne laciĝos". Ege gravas la fakto, ke la ĉefrolulo en *La Rakonto pri Kjeŭ* estas virino.

En Vjetnamujo, ni povas esti certaj, ekzemple, ke la virinoj, kiuj transvivis la elpelon de la tuta loĝantaro el la vilaĝo Ben Suc, ludis kaj plue ludas ĉefan rolon en la rekonstruado de kolektiva vivo. Sed, sinjorinoj kaj sinjoroj, ne nur soldatoj en militoj detruas la normalan vivon kaj neniigas vilaĝojn. Ankaŭ la malsaĝa konstruado de grandaj digoj en mia respubliko okazigis tiun katastrofon al sennombraj komunumoj; ankaŭ tie la gvidan rolon en la rekonstruado de homa vivo post tia homfarita katastrofo transprenis la virinoj.

Mi nun petas vian permeson reveni de la virina temo al tiu gejunula temo, ĉe kiu mi komencis ĉi tiun paroladon. Ĉar ankaŭ de la juna generacio ni prave atendas konsilojn kaj eĉ gvidadon.

Ni ĉiuj rimarkis, ke la vjetnamoj brile ekzemplis la arton konstrui pontojn kun eksaj malamikoj por povi efike kunlabori en "laboro paca". Praktiki tiun arton eble ne prezentas emociajn malfacilegojn por la juna generacio, kiu ne mem spertis la militon. Eble. Neniu el ni kuraĝu juĝi la spertojn kaj sentojn de aliaj. Ni ĉiam devadas multon lerni unu de la alia. Jen la ĉefa leciono de la Esperanta pedagogio.

Nun mi kaj vi lernos de la aliaj prelegantoj sur tiu ĉi kongresa podio.

Koran dankon pro via atento!

**"Loa!.. Loa!.. Loa!.."**

Pri la titolo de la kuriero: Loa estas konika ilo, uzita en la pasinta tempo por orientigi kaj laŭtigi la parolon, kiu fariĝas pli facile kaj klare aŭskultebla.

Reprenante la kutimon de reĝo-kurieroj kaj vilaĝa publika kriisto, Teŭĉjo, la prezentanto en surakva pupteatro, antaŭ ĉiu anonco, ĉiam laŭte diris: "Loa!.. Loa!.. Loa!.." por atentigi la aŭdintaron.

**El la redakcio**

Por redakti la kurieron necesas viaj helpoj. Bonvolu sendi al la redakcio vian manuskripton pri la anonco kaj raporto de diversaj kunsidoj, pri viaj impresoj, proponoj, epizodoj ktp, kaj ankaŭ fotojn. Mankas helpantoj kaj redaktantoj. Nun estas nur du redaktantoj: DOI Ĉieko (doicik@seaple.icc.ne.jp) el Japanio kaj NGUYEN THI Ngoc Lan <ngnglan@gmail.com> el Vjetnamio.

Vian kunlaboron kaj helpon atendas ni.





Kongresa kuriero de UK-97

**N-ro 2**
**2012-07-29**
**dimanĉo**

KONGRESA KURIERO DE LA 97A UNIVERSALA KONGRESO EN HANOJO, VJETNAMIO

## Bonveniga Mesaĝo de la vicprezidanto de la Vjetnama Socialisma Respubliko, NGUYEN Thi Doan



Estimataj esperantistoj kaj gastoj,

Nome de la gvidantoj de la Komunista Partio, la Ŝtato kaj la popolo de Vjetnamio, mi varme bonvenigas la internaciajn esperantistojn kaj la estimatajn gastojn partoprenantajn en la 97-a Universala Kongreso de Esperanto en Hanojo.

Estimataj gesinjoroj,

Kun 125 jaroj da historio kaj disvolviĝo, Esperanto fariĝis la Internacia Lingvo akceptita en multaj landoj de la mondo kaj alportis pozitivan kontribuon al la akcelado de amikeco kaj solidareco inter la popoloj pro paco kaj disvolviĝo. Esperanto estis enkondukita en Vjetnamion per la unuaj libroj kaj kursoj. Nia respektata Onklo Ho estis iam la unua esperantisto en Vjetnamio. Li venis al Esperanto en la jaroj 1913 – 1917, kiam li vivis kaj agadis en Britio. Esperanton li uzis en siaj revolucio-agadoj kaj tutkore kuraĝigis la fondiĝon de Vjetnama Pacdefenda Esperanto-Asocio, kiu estas la antaŭulo de nuna Vjenama Esperanto-Asocio. Pro tio la gastigado de la 97-a UK estas samtempe granda honoro kaj bona okazo, por ke ni esprimu nian dankemon al niaj internaciaj amikoj, kiuj elkore subtenis Vjetnamion, kaj prezentu al vi pacaman Vjetnamion survoje al disvolviĝo kaj integriĝo.

Estimataj gesinjoroj,

Esperanto estas la Internacia Lingvo konata kiel lingvo bonvola kaj egala. Uzante ĝin ĉiuj homoj kaj popoloj estas egalaj danke al la komuna lingvo kaj ne estas influata de la diferenco de iu ajn kulturo.

Mi konfirmas al vi la apogon de la Partio kaj Ŝtato de Vjetnamio al la disvolviĝo de la enlanda kaj monda Esperanto-movado, kaj esperas, ke Zamenhof, la kreinto de Esperanto, kaj la generacioj de amantoj de Esperanto de pli ol unu jarcento povas fieri pri la lingva heredaĵo, kiu estas konservata kaj disvolvigata de la nuna generacio. Mi estas certa, ke Esperanto daŭre fariĝas la Internacia Lingvo, kiu alligas la popolojn de diversaj landoj en la mondo por paco, disvolviĝo kaj kooperado. Kun la spirito Vjetnamio estas fidindaj amiko kaj partnero, respondeca membro de monda komunumo, ni kredas, ke paco, amikeco kaj kooperado alportos al vi ĉiuj komfortan kaj feliĉan vivon. Mi esperas, ke nia bela lando, kiu havas heroan historion, gastamecon kaj amon por paco, provizos al vi per belaj sentoj kaj impresoj okaze de via partopreno en ĉi tiu kongreso.

Al la 97-a UK, mi deziras belajn sukcesojn kaj al niaj internaciaj amikoj utilan, interesan kaj signifoplenan restadon en nia lando.

Kun dankoj.

(có nên thêm sinceraj cho đỡ "cụt" không?)

---

## Kleriga lundo

**<Unua bloko: 09:00 – 10:30>**

**1. Komprenante unu la alian** (salono Lapenna)

Renato CORSETTI, NGUYEN Xuan Thu, CHO Chaoming, Johan DERKS

La proponata programero celas relevi la temon de la diverseco de kulturoj en la Esperanto-movado kaj pri la maniero, laŭ kiu tio reflektiĝas en la lingvo mem kaj en la kulturo de esperantistoj. Ĉar la UK okazas en Hanojo, ŝajnas nature pripensi la influon de Eŭropo kompare kun tiu de Azio. La kunveno, tamen, ne reprenos la lingvajn temojn de la konata verko "Esperanto: ĉu eŭropa aŭ azia lingvo?" sed ĝi originale esploros aliajn facetojn de Esperanto.

El la gastolando NGUYEN Xuan Thu parolos pri esperantigo de vjetnamaj personaj kaj geografiaj nomoj. El Tajvano la konata ĉina klerulo CHO Chaoming preleg(et)os pri la esperantigo de aziaj vortoj esprimantaj komunajn aziajn konceptojn. Johan DERKS, el Nederlando, mallonge kaj sprite prezentos sian seriozan programon por esplori pri la tuteŭropeco kaj pri la tutmondeco de radikoj por trovi modernan aplikon de la 15-a regulo de Esperanto.

Prezidos kaj disdonos al la publiko demandaron kun du partoj, unu por azianoj kaj unu por neazianoj Renato CORSETTI. La demandaro celas esplori la re-

ciprokan konon pri la kulturaj elementoj renkonteblaj en tekstoj en Esperanto. Bilda ekspozicio pri tio pendos ĉe la muro.

**2. Kion ni povas fari per kaj por Esperanto**

(salono NGUYEN Minh Kinh)

HORI Jasuo

Por kio mi lernu kaj instruu Esperanton kaj kiel ni utiligu Esperanton? Mi montros mian mondon, en kiu mi uzas kaj utiligas Esperanton. Ĉeestantoj scios, kion ili povos fari per kaj por Esperanto, ekzemple 1. Vojaĝo (ne nur turismo, sed instrua vojaĝo) 2. Kolekti aĵojn (koncerto per muzikiloj) 3. verki kaj raporti (raportoj el Japanio, kaj pri la japana katastrofo)

**3. Klerigaj ludoj en Kleriga Lundo**

(salono Urbanova)

Ana MONTESINOS

Ĉu lernado devas esti enuiga kaj seka? Kompreneble, tute ne.

Sed se oni ĝin ĝuas, multe pli bone, ĉu ne?

Do, se via vortprovizo iomete rutinas, via kono pri la Esperanto-kulturo iel lamas, vi ankoraŭ timas paroli, aŭ tute simple vi volas fari ion novan, kuraĝu kaj venu, ĝuu – kaj jes, ankaŭ lernu – kune kun ni per la "Klerigaj ludoj en kleriga lundo".

**4. Seminario pri informado 1**

**Aranĝoj** (salono Jerman)

Kunordigas Francesco MAURELLI.

**1.**– Rafael Henrique ZERBETTO, **Esperanto en RIO+20**

RIO+20 estis grava konferenco de Unuiĝintaj Nacioj pri daŭripova evoluo, kiu okazis en junio 2012 en Rio de Janeiro, Brazilo. Lige al ĝi pluraj eventoj estis organizitaj, specife por junularaj organizoj kaj ne-registaraj asocioj. Venu malkovri la sukceson de la Esperanto-delegacio! Venontfoje vi estu nia verda torĉo !

**2.**– Michael Boris MANDIROLA, **Esperanto ĉe AEGEE, Esperanto ĉe FoJE,** Francesco MAURELLI, **Esperanto ĉe FoJE-Ĉinio**

AEGEE estas la plej granda interfaka eŭropa studenta organizo. Forumo de Junularo Eŭropa (FoJE) grupigas la plej grandajn junularajn organizojn en Eŭropo, kaj kunlaboras kun alikontinentaj forumoj. Venu malkovri kiel prezenti Esperanton en tiaj aranĝoj. Vi povus esti nia venonta ambasadoro…

**Laborgrupoj**: *grupo A*: partopreni en ne-Esperanta aranĝo (ekzemple: informtablo): kion pripensi, kion fari, kiun kontakti, kiel pretiĝi, kion pretigi, ktp.

*grupo B*: demandoj/respondoj: kiel plej bone respondi al informpetoj

**<Dua bloko: 10:45-12:15>**

**1. *Google,* Esperanto kaj maŝintradukado**

(salono Lapenna)

Amri WANDEL, Stella LINDBLOM

125 jarojn post la publikigo de ĝia unua lernolibro, Esperanto ricevis sian plej gravan rekonon, almenaŭ en la interreta epoko: ***Google* aldonis Esperanton kiel 64-an lingvon por tradukado!**

Amri WANDEL rakontos pri la motivigo de *Google* aldoni ĝuste Esperanton al tiu prestiĝa klubo, sugestos kiel ni povas utiligi tiun atingon en nia Esperanto-informado, klarigos kiel funkcias maŝintradukado kaj prezentos kelkajn ekzemplojn de sia efektiva sperto tiurilate, ekde la psikiatria konversaci-programo "Eliza" kiun li esperantigis en la okdekaj ĝis la hebreigo de "La Universala Lingvo" de Sam GREEN en 2012. En tiu sesio Stella LINDBLOM prezentos laboron de esperantistoj en Svedio, temas pri traduko al Esperanto de la nova versio de *Joomla* 2.5, unu el la plej grandaj el la senkostaj Enhav-Mastrumaj Sistemoj.

**2. UN, Unesko…** (salono NGUYEN Minh Kinh)

Humphrey TONKIN, Neil BLONSTEIN,
Stefano KELLER, Renée TRIOLLE

Ni ĉiuj havas ĝeneralan ideon pri la laboro de UN laŭ tio kion ni legas en la ĵurnaloj aŭ ĉe la reto, sed kiel fakte ĝia laboro kaj la laboro de ĝiaj specialigitaj instancoj estas strukturitaj? En tiu ĉi seminario, Stefano KELLER (UN-Ĝenevo), Humphrey TONKIN (UN-Novjorko) kaj Renée TRIOLLE (Unesko-Parizo) skizos la laboron de la UN-familio de organizaĵoj en siaj urboj. Por bone roli kiel civitano kaj por bone prezenti Esperanton al tiuj organizaĵoj, necesas kompreni ilin. Jen la celo de la seminario.

**3. Subvencioj kaj projektproponoj**

(salono Urbanova)

Francesco MAURELLI

Ĉu vi havas ideon pri realiginda projekto, sed ne havas la rimedojn por ĝin realigi?

Ĉu vi ŝatus ricevi subvenciojn por via Esperanto-agado? Ĉu vi volas helpi vian organizon plifortiĝi?

Ne maltrafu tiun ĉi programeron. Ĝi gvidos vin tra la malhelaj tuneloj de la Eŭropuniaj subvenci-rimedoj, por doni al vi bazan ilaron por sukcese verki projektproponojn.

La gvidanto estas kunfondinto kaj direktoro de Kosmo Strategio Ltd., profesia entrepreno kiu specialiĝas pri projektmastrumado. Ĝi sukcese atingis preskaŭ 200 000€ da subvencioj por pluraj Esperanto-organizoj.

**4. Seminario pri informado 2**

**Informado en Azio kaj ĉe reto** (salono Jerman)

**1. – LEE Jungkee**: Kiel konstrui kulturcentron: la

ekzemplo de Seula Esperanto-Kulturcentro

Seula Esperanto-Kulturcentro (SEK) jam atingis sian 248-an kurson de Esperanto ekde ĝia fondiĝo en 1991. Kiuj estas la kialoj de tia sukceso? Ĉu malfacilas starigi kulturcentron? Kion fari se vi volas aktive engaĝiĝi en via urbo? Partoprenu, kaj vi havos la ilojn por malfermi novan sukcesan agadon!

**2.** – Heidi GOES: **Informado en Indonezio: fruktodona semado**

Prikonsideru la nombron da indoneziaj partoprenantoj dum la lastaj jaroj, kaj en Universalaj Kongresoj vi komprenos, ke io estas okazanta: nova movado kreiĝis, kaj ĝi bone kreskiĝas. Jam la tria numero de nacia bulteno aperis, kaj en 2013 la unua landa kongreso okazos. Ĉefe por semantoj – kaj semontoj: kie semi? kiel semi? per kio semi? Verdigi Esperanto-dezertojn ne estos tiom malfacile post la konsiloj de Heidi…

**3.** – Renato CORSETTI: **La retprojekto Esperanto-info**

Ĉu vi ŝatus prezenti al amikoj (aŭ nekonatuloj) modernan allogan retejon pri Esperanto? Nova projekto de la sveda aktivulo Hokan LUNDBERG estas nuntempe prilaborata. Venu malkovri ĝin kaj donu viajn impresojn, konsilojn, kritikojn…

## <Tria bloko: 12:30-14:00>

**1. – Tibor la semanto** (salono Lapenna)

Judita Rey HUDEČEK, Bharat GHIMIRE

Tibor SEKELJ estis ĵurnalisto, verkisto, geografo, esploristo, etnologo, muzeologo, filmisto, desegnisto, interpretisto, pedagogo… Okaze de lia centjara jubileo, malkovru diversajn facetojn de tiu eksterordinara homo.

Judita Rey HUDEČEK parolos skize pri lia biografio, kaj prezentos videomaterialon. Inter liaj diversaj meritoj, Tibor SEKELJ kiel la unua malfermis la pordon al Esperantujo en Nepalo. Li tie restadis ses monatojn kaj verkis en Esperanto *Nepalo malfermas la pordon*. Bharat GHIMIRE el Nepalo montros kion tiu libro kaj lia restado signifis por nepalanoj, kaj kiom li plu gravas por la Esperanto-Movado tie. Lia laboro postlasis spurojn en la mondo, ne nur en Nepalo kaj eks-Jugoslavio, kaj ankaŭ tion oni mallonge prezentos.

**2. Kulturaj valoroj kaj komunikado en internacia kunteksto** (salono NGUYEN Minh Kinh)

Kristin TYTGAT

Esperantistoj havas komunan lingvon sed ne komunan referenckadron por bone kaj klare komuniki.

Kiuspecaj kulturoj ekzistas kaj kiel ni povas karakterizi ilin? Kiumaniere komunikado funkcias inter tiuj kulturgrupoj?

Kiel ni povas entute konsciiĝi pri kulturaj diferencoj?

Kiujn kapablojn ni bezonas por efike komuniki en internacia medio por ke la mesaĝo estu bone kaj klare komprenita sen miskomprenoj ?

En la Esperanto-movado ni kunlaboras kun esperantistoj el la tuta mondo. Kiuj estas la kondiĉoj por sukcesplena internacia kunlaborado?

Dum la sesio ni provos pritrakti tiujn ĉi demandojn.

**3. Trejniĝo per la instruilaro Esperanto por lernejaj klasoj – ELK** (salono Urbanova)

Prof. Paulo Pereira NASCENTES

Temas pri trejniĝo de instruemuloj pri la nova instrukompleto de Josias BARBOZA. Unue estos enkonduka klarigo pri la instrumaterialo, kiun oni uzos dum la sesio. Poste la partoprenantoj laboros en grupetoj, rolante kiel instruistoj kaj lernantoj. La sesio finiĝos per dekminuta demand/responda parto. La uzota materialo estas la unua volumo de la gvidlibro de la instruistoj kun la koncerna KD. La ĉeestantoj ricevos ankaŭ donace papertekon kun ĉiu uzota materialo (escepte de la libro).

**4. Seminario pri informado 3**

**Informado ĉe instancoj** (salono Jerman)

– Itala Esperanto-Federacio: **Kiel rilati kun publikaj instancoj: la ekzemplo de Mazara del Vallo**

En urbeto sicilia, preskaŭ 600 lernantoj komencis la studadon pri la Internacia Lingvo en januaro 2012. La urbaj instancoj plene favoras Esperanto-agadon, kaj la loĝantaro ŝatas la lingvon. Kiel tio okazis? Trastudu la vojon de IEF, por realigi ion similan en via urbo!

– Ziko van DIJK: **Impresoj kaj spertoj de 100-procentulo**

Informi pri Esperanto malfacilas, precipe se oni celas adekvate paroli kun homoj, anstataŭ senrigarde propagandi ĉion al ĉiuj. Dum la pasintaj preskaŭ 20 jaroj Ziko – spertulo pri informado – kolektis kelkajn utilajn spertojn, kiujn li afable kunpartigos kun ni.

Laborgrupoj: grupo A: renkonti skabenon (aŭ ministron!): kion pripensi, kion fari, kiun kontakti, kiel pretiĝi, kion pretigi ktp.

grupo B: demandoj/respondoj: kiel plej bone respondi al demandoj de gravulo?

Kleriga Lundo signifas aktivan engaĝiĝon! Ludu kaj laboru kun ni, kuncerbumante pri la pretigo de renkontiĝo kun iu gravulo (ekzemple la skabeno de via komunumo).

## Aŭtoraj duonhoroj

Ĉiuj tiuj renkontiĝoj okazos en la libroservo
(salono Sekelj)

**Dimanĉe 29a de julio**

**16:00 – 16:30 Anna LÖWENSTEIN : nova rakonto por "lernu!"**

Antaŭ kelkaj monatoj mi ricevis peton de "lernu.net", kiu tekstis proksimume jene: "Ĉu vi bonvolus verki rakonton, kiu taŭgus kiel baza Esperanto-kurso laŭ la nivelo A de la sistemo KER? Ho, kaj cetere, la rakonto estu ankaŭ interesa". Kia defio! Plurfoje dum la verkado mi pensis senespere, ke mi akceptis neplenumeblan taskon. Sed intertempe la rakonto estas finverkita. Dum la aŭtora duonhoro mi esperas pruvi al la mondo, ke eblas malfermi rakonton per atentokapta unua ĉapitro, uzante nur la gramatikajn finaĵojn -o, -a, kaj -as.

**16:30 – 17:00 pri nova rakonto por Lernu!**

Oni prezentos unikan bildlibron *La vojaĝo de la biciklo Ginta*. Originale verkita en la japana kaj eldonita kun paralela Esperanta teksto en 2008, la libro estis plu tradukita en la vjetnaman surbaze de la Esperanta teksto, kaj ĝi nun estas kun tekstoj en tri lingvoj en sia dua eldono. Bela ekzemplo de la ponta rolo de Esperanto!

(Hisasi KITAGAWA, Kn.521)

**Lunde 30a de julio**

**15:00 – 15:30 Humphrey TONKIN kaj Michela LIPARI : Antologio de eseoj premiitaj en Belartaj Konkursoj**

Supozeble oni nomus min metaverkisto – en la senco, ke mi verkas pri la verkoj de aliaj: pri Esperanto-literaturo, pri la Esperanto-movado, kaj pri ĉio, kio rilatas al nia komuna Afero. Kiel prezidanto de la komisiono pri Belartaj Konkursoj mi kunlaboris kun la sekretario de BK, Michela LIPARI, por redakti volumeton de eseoj pri literaturo verkitaj de diversaj aŭtoroj, kiuj gajnis premiojn tra la jaroj en la Belartaj Konkursoj. Ĝi aperos en la nuna Universala Kongreso kaj ni prezentos ĝin en nia aŭtora duonhoro.

**15:45- 16:15 Trevor STEEL: konflikto spronas verkadon!**

Mi verkis pri tre diversaj epokoj kaj lokoj, sed mi retrospekte konstatas, ke ofte konflikto de kulturoj aŭ ideologioj spronis mian verkadon – kvankam mi apartenas al bonŝanca generacio, kiu neniam devis soldatiĝi.

**16:30 – 17:00 Judita REY-HUDEČEK: Kroata-Vjetnama kultura kunlaboro per infanlibro**

La kroata infanlibro *Mirindaj aventuroj de metilernanto Hlapiĉ* gajnis premion por la infanlibro de la jaro 1999 kaj estis poste tradukita per Esperanto en la japanan, persan, bengalan. La Esperantan tradukon prizorgis Maja TISLJAR. Vjetnama Verkista Asocio eldonis ĝin en Hanojo en 2008, dank' al la peresperantaj tradukoj de PHAN Hong Vuong kaj LUONG Ngoc Bao. Ministerio pri kulturo de Respubliko Kroatio finance subtenis la eldonon de la libro. Kvar jarojn post la apero de la libro en Hanojo kroataj esperantistoj havas la okazon koni siajn vjetnamajn partnerojn kaj prezenti sian kunlaboron al la publiko. La originala libro pri la gaja knabo Hlapiĉ aperis en Kroatio en 1913 kaj venontjare festos sian centjariĝon. Ĉi-jare Kroata Esperanto-Ligo eldonis la ĉinan tradukon en Pekino, kiun kreis esperantista tradukisto SHI Cheng Tai kaj eldonis ĝin kun siaj partneroj Kroata ambasadejo en Pekino. La kroata infanlibro apartenas al la plej tradukataj infanlibroj kiuj atingis diversajn flankojn de la mondo per Esperanto. Judita Rey Hudeček, prezidantino de Kroata Esperanto-Ligo prezentos la esperantlingvan eldonon kaj la vjetnamaj kolegoj rakontos pri la vjetnama libro.



**Hlapiĉ en la vjetnama**

## La Ekumena diservo okazos hodiaŭ (dimanĉe)!

tempo: 15:00~

loko: en la Protestanta Preĝejo Hoi Thánh Tin Láanh
adreso: 2, Ngõ Tram, Hoàn Kiem, Hanojo.
Ĝi situas en la loko ĉ. 10 minutojn aŭte for de la kongresejo. Sufiĉas al la taksi-ŝoforo montri la supran adreson.

## Atenton! Ŝanĝoj!!

**1) Ŝanĝo de salono**:

La programo pri la Tago de Vjetnamio, dimanĉe, 13:00 – 16:00 (Inaŭguro kaj prelegoj) okazas en salono Haszpra, ne plu en salono Nguyen Minh Kinh, kiel anoncita en la Kongresa Libro.

**2) Grava informo pri la transporto al Salono Zamenhof**

La busoj al salono Zamenhof ekiros de antaŭ hotelo Melia unu horon kaj duonon antaŭ la komenciĝo de la programeroj en tiu salono!

### El la redaktejo

Sendu viajn manuskriptojn al la redaktantoj: DOI Ĉieko (doi-cik@seaple.icc.ne.jp) kaj NGUYEN THI Ngoc Lan <ngnglan@gmail.com>. Aŭ rekte al la redakta ĉambro. Ni atendas viajn kontribuojn!

Loa!.. Loa!.. Loa!..
Kongresa kuriero de UK-97

**N-ro 3**
**2012-07-30**
**lundo**

KONGRESA KURIERO DE LA 97A UNIVERSALA KONGRESO EN HANOJO, VJETNAMIO

# Solene malfermiĝis la 97a Universala Kongeso en Vjetnamio, la lando iam militinta

La inaŭguro okazis en la salono Zamenhof, iom fore de la ĉefa kongresejo. Kiel planite ĝi komenciĝis je 10:00 per dancado de vjetnamaj gejunuloj.

Probal DASGUPTA, la prezidanto de UEA prezentis gastojn ĉeestantajn en la kongresejo.



Okazis bonveniga saluto de NGUYEN Thi Doan, la vicprezidanto de la Vjetnama Socialisma Respubliko.

Claude NOURMONT legis mesaĝon de Ludoviko ZALESKI-ZAMENHOF, nepo de la kreinto de Esperanto.

Barbara PIETRZAK prezentis du novajn honorajn membrojn: HORI Jasuo en Japanio kaj György NANOFSKY en Hungario.



UEA ricevis Amikecan Medalon de la Socialisma Respubliko de Vjetnamio.

Probal DASGUPTA salutis al la kongresanoj. Legu la unuan numeron de la kongresa kuriero.



Post kantado kaj dancado Mark FETTS parolis pri la kongresa temo: Esperanto – ponto al paco, amikeco kaj disvolviĝo. Li invitis la kongresanojn ĉeesti en la kunsidoj kaj kune pensi pri la temo.

Sekvis saluto de vicprezidanto de TEJO.



**Stefan MACGILL**

Salutis Stefan MACGILL, kiu simple raportis pri ILEI-Konferenco ĵus okazinta en Ĉinio.

Salutis vicprezidanto de Akademio de Esperanto, Brian R. MOON.

Salutis Franciska TOUBALE je la nomo de SAT.



**F. Toubale**

Salutis reprezentantoj de ĉ. 60 landoj: inter ili estis ankaŭ aziaj landoj, el kiuj ĝis nun malofte ĉeestis esperantistoj en UK-oj, ekzemple, Laoso, Kamboĝo, Singapuro ktp. Laste salutis vjetnamo, laŭ la alfabeta ordo de la landonomo, Vjetnamio, la gastiganta ladno de la kongreso.





La fina punkto de la inaŭguro estis kantado de “la Espero” gvidata de vjetnamaj junuloj.

# Aŭtoraj duonhoroj

Ĉiuj tiuj renkontiĝoj okazos en la libroservo (salono Sekelj)

**Marde, de la 31a de julio**:

**10:30 – 11:00 HORI Jasuo: verki kaj raporti pri Japanio**



"La angla lingvo, kiun mi instruis, donis al mi monon. Esperanto, kiu perdigas al mi monon, donis al mi esperon. Mi estas ĝoja, ke mi vivas kun Esperanto kiel verkisto."

**12:00 – 12:30 Michela LIPARI: libroj pri Sicilio**



"Post (tro) longa deĵoro estrara, mi dediĉis min al literaturo, aparte al tradukoj de kaj al la itala. Ĉi-foje mi povas prezenti al vi du librojn ligitajn al baldaŭ okazonta itala kongreso por ke vi vizitu Sicilion sen timi la mafion kaj povu bone ĝin koni per interkonatiĝo kun ĝia kulturo per gustumado de plej famaj siciliaj verkistoj."

**13:30 – 14:00 Harald SCHICKE: Germanaj biero kaj bierkulturo**



La germana naturmetoda kuracisto Harald SCHICKE (prezidanto de Internacia Naturkuraca Asocio: INA) prezentas la germanan tradician trinkaĵon en sia libro el diversaj vidpunktoj, precipe kultura kaj kuraca. Bona biero laŭ la germana leĝo pri pureco de la biero estas farita nur el akvo, hordeo, lupolo kaj gisto. Tiel ĝi estas tute natura kaj salubra trinkaĵo.

**15:30 – 16:00 Stano MARČEK: jam en 31 lingvoj!**



"Ĉu vi volas konatiĝi kun la aŭtoro de libro, kiu jam aperis en 31 lingvoj: la angla, franca, itala, rusa, japana, ĉina, korea, portugala, pola, slovaka, Esperanta, greka, nederlanda, irlanda, rumana, germana, dana, litova, serba, vjetnama, luksemburga, hungara, kroata, finna, ĉeĥa, ukraina, hispana kaj sveda? La rektmetoda lernolibro, kiun akompanas riĉa didaktika materialo, aperis antaŭ nelonge ankaŭ en la tajvana, armena kaj taja."

**16:30 – 17:00 Margherita BRACCI-DENTI: du verkoj de T. Soros en la itala**



"Tradukistino el la franca kaj la angla, mi volonte akceptis la defion aldoni Esperanton al miaj laborlingvoj. Alie dirite, mi kaptis la duoblan logaĵon, kiu tuj aperis al mi ĉarme alloga: legi la du librojn de Tivadar SOROS *Modernaj Robinzonoj* kaj *Maskerado ĉirkaŭ la morto* estis plezuro, traduki ilin estis honoro."

**Jaŭde 2a de aŭgusto**:

**13:30 – 14:00 Amri WANDEL: memorlibro por Josi ŜEMER**

Antaŭ kelkaj monatoj malaperis tre ŝatata israela esperantisto Josi ŜEMER. Tuj alfluis el la tuta mondo mesaĝoj memore al li, kaj el tio Amri kunmetis memorlibron, nun en reta formo, sed eldonota papere. Tiu ĉi duonhoro estos ne nur aŭtora duonhoro, sed ankaŭ omaĝo al Josi.

**16:00 – 16:30 Katalin KOVATS: ekzamenu la ĉeforganizantinon de ekzamenoj!**

La esperantisto de la jaro 2010, redaktoro de www.edukado.net kaj heroa organizanto de la tutmonda sesio de KER-ekzamenoj havas multajn talentojn. Pasintjare ŝi enketis pri la agado kaj vivo de Tiberio MORARIU kaj liaj samtempuloj, kaj el tio rezultis Stelsemantoj en la ora nordo. Pli da informoj kaj eĉ aldonaj kulissekretoj haveblaj rekte de Katalin dum la aŭtora duonhoro, ĵaŭdon, inter la16.00 kaj la 16.30.

**Vendrede 3a de aŭgusto**

**13:30 – 14:00** Stefan MACGILL: *Nemave Edifu!*

**16:00 – 16:30** Probal DASGUPTA: *Loĝi en homaj lingvoj*

---

## Alvoko al eldonistoj

Ĉu post la UK en Kopenhago vi eldonis novan libron en aŭ pri Esperanto, aŭ tradukitan el Esperanto?

Ĵaŭde la 2an de aŭgusto enkadre de la tradicia "Tago de la Libro" okazos la prezento de la Libroj de la Jaro, kiel menciite ĉe p. 35 de la Kongresa Libro. Se vi ankoraŭ ne tion faris, bonvolu urĝe kontakti la estraranon pri kulturo, Claude NOURMONT, KN 69, kaj anonci kiujn librojn vi intencas prezenti.

Ĵaŭde la 2an de aŭgusto, 12:15-13:15,
salono Nguyen Minh Kinh

---

## Prezentado de vjetnama tradicia robo

La programero pri la Vjetnama Tradicia Robo, Aŭzajo, lundon la 30an de julio, **ŝanĝiĝis al salono Nguyễn Văn Kỉnh je la 1-a etaĝo**.

Vjetnama Esperanto-Asocio sincere invitas vin ĉiujn ĉeesti en salono Nguyễn Văn Kỉnh en lundo 14:00-15:00 por admiri belegan prezentadon de "Aŭzajo" – vjetnamaj virinaj roboj. Vi unue havas ŝancon vidi vjetnamajn profesiajn belulinojn el

VENUSO-KLUBO en 5 kolektoj datiĝantaj de la pasinta tempo ĝis nuntempo. Tiu prezentado jam gajnis multajn grandajn aprezojn en la mondo.

Ni honore organizas tiun gravan prezentadon en la plej granda salono Nguyen Minh Kinh (salono 3 rezervas por 350 personoj). Ankaŭ vi havas ŝancon foti, vestiĝi per tiuj belaj roboj kaj aĉeti kiel valoran memoraĵon de la 97a UK en Vjetnamio.

Ne forgesu tiun belegan kaj gravan eventon! Ni atendas vin ĉiuj!

## Oratora Konkurso – kuraĝu kaj aliĝu nun!

Kiel informas *Kongresa Libro* en paĝo 45, gejunuloj ĝis-30-jaraj estas invititaj partopreni en la ĉiukongresa Oratora Konkurso, sed devas anonci sin por tio minimume unu tagon antaŭe al la UEA-estrarano pri kulturo, Claude NOURMONT, KN 69. Ĉar la konkurso okazos en ĵaŭdo (14:45 – 16:15, en salono Nguyen Minh Kinh), tio signifas ke la kandidatoj devas anonci sin plej malfrue merkrede.

## KER-ekzamenoj

Novaj UEA-ekzamenoj, konstruitaj laŭ la aŭtoritata t.n. Eŭropa Referenckadro, funkcias ekde decembro 2008. Ĝis nun trapasis ilin 940 personoj el 55 landoj.

Al la 28a ekzamensesio, okazonta dum la kongreso en Hanojo, ankoraŭ eblas aliĝi dum la semajno. Por vjetnamoj kaj aliaj kandidatoj el aziaj nepagipovaj landoj disponeblas kelkaj stipendioj.

La ekzamenoj okazas en tri niveloj: B1 (baza), B2 (meza) kaj C1 (supera). Ili konsistas el skriba kaj parola partoj, trapaseblaj ankaŭ aparte en diversaj ekzamenperiodoj. La ekzamenoj testas nur lingvajn konojn kaj kapablojn, kaj ne entenas movadajn aŭ kulturajn informojn.

La ĉefa ekzamentago estos vendredo, la 3a de aŭgusto.

| | Parola individua (20 minutoj) | **Parola** laboratoria por ĉiuj kune **VENDREDON** | **Skriba** TESTO por ĉiuj kune **VENDREDON** |
|---|---|---|---|
| B1 | Laŭ aliĝoj kaj inter-konsento | 14:45-15:30 U | 16:00-18:00 J |
| B2 | | 12:50-13:30 J | 14:00-17:00 J |
| C1 | | 12:00-12:40 J | 14:00-18:00 J |

J: Salono Jerman – U: Salono Urbanová

**Ĵaŭdon**, kadre de la meznivelaj paroligaj kursoj de edukado.net, **okazos informado kaj ekzercado** por la ekzamenoj. Tuj post tiu sesio finiĝos la aliĝeblo al la sekvataga sesio.

Aliĝi necesas rete ĉe

www.edukado.net/ekzamenoj/ker/sesioj

Pliaj informoj dum la Movada Forio, en la paroligaj kursoj de edukado.net kaj kongresa kuriero.

Katalin KOVÁTS (KN:729)

## Publika kunveno de la akademio de Esperanto

**Marde**, 14:00-15:30 en salono Lapenna,

La publiko estas varme iuvitata proponi la publikan Kunvenon de la Akademio de Esperanto, kie akademianoj respondos lingvajn demandojn de la ĉeestantoj. Pretigu malfacilajn demandojn, sed pretigu ilin skribe, ĉar nur skribaj demandoj estas akceptataj.

## Faka Budo

Reprezentantoj de Fakaj Ascioj, kiuj deziras havi senpagan 2-horan blokon, bv. kunordigi tion kun Amri WANDEL Kn. 67, aŭ veni tien marde matene je 08:30 – 9:00.

## Okazis arbo-plantado

La 29an de julio, je 17:00 okazis arbo-plantado en la Paca Parko de Hanojo, okaze de la UK. Tion organizis la Popolkomitato de la urbo Hanojo kaj la Landa Organiza Komitato de la UK. Por la plantado ĉeestis ankaŭ Probal DASGUPTA, la prezidanto de UEA.

## Antaŭkongreso

Okazis Antaŭkongreso al Ninh-Binh-provinco kaj malnova ĉefurbo Hoa Lu en la 27a – 28a de julio. Partoprenis en ĝi 44. Oni veturis per buso, sed ĉiĉerono parolis nur angle, kaj do subite oni petis de unu el la partoprenantoj en la aliĝintoj interpreti en Esperanton. La petita junulo, Francesco MURELLI el





Britio, faris tre bone la taskon. Tiel oni povis havi tre gajan tempon vizitante templojn, pagodojn, katedralon ktp.

## Movada Foiro

Vespere de la 28a de julio okazis Movada Foiro, en kiu multaj grupoj prezentis sin. Jen estas fotoj de la foiro.





indoneziaj gejunuloj

## Impona estis la fino al belega ILEI-konferenco

Finiĝis la 45a Konferenco de ILEI, kiu plurkiale restos memorinda kaj rekorda en la vico de tiuj aranĝoj. Akceptiĝis du honoraj membroj, kaj tri novaj aziaj landaj sekcioj: Vjetnamio, Mongolio kaj Nepalo. Lastatage okazis sukcesa Lingva Festivalo, en kiu estis prezentitaj 18 lingvoj, kio altiris ankaŭ studentojn el la kolegio.

Vespere okazis la solena fermo kaj adiaŭa koncerto. Denove, restis neniu libera sidloko en la 300-seĝa aŭditorio kaj ĉio estis filmita. Parolis unue la prezidanto de ILEI, kiu esprimis la kontenton kaj dankon de la partoprenintoj, kiuj ja povis vidi tra la semajno kolegiajn artisto-studentojn, kiuj evidente lernadis kaj ekzercadis kun ĝojo kaj sindediĉo. Li konigis la finsumon de aliĝintoj (113) kaj partoprenintoj (104). Sekve temas grandmarĝene pri la plej granda ekstereŭropa konferenco iam ajn, kaj – superante Kopenhagon – la plej granda konferenco de la lastaj 26 jaroj. Sekvis dankoj kaj donacoj – al la kolegio, LKK, nia respondeca estrarano Radojica PETROVIC, prelegintoj, komitataj kaj pliaj helpintoj. Restis kun la ĉina sekcio kaj la kolegio bona kolekto de ligaj eldonaĵoj.

Lastan prelegan lokon ricevis la prezidanto de la arta kolegio, s-ro DUAN Yongxing, kiu en Esperanto elkore gratulis nin pro la fruktoplenaj rezultoj de la konferenco kaj la simpozio. Li refoje esprimis deziron, ke la kolegio kaj ILEI longdaŭre kunlaboru, laŭ konkretaj proponoj. Fine de la parolo la du prezidantoj kune deklaris la fermon de la konferenco.

Sekvis 25-kapa koruso, kiu kantis la himnon laŭ vigla interpreto; tio servis kiel komencpunkto por la koncerto, kiu enhavis ĉefe kantajn erojn kaj imponajn dancprezentojn. La finon markis adiaŭaj kantoj en Esperanto, dum kiuj videblis fone sur giganta ekrano cento da profesinivele faritaj fotoj el nia konferenca semajno – bela memorigo pri la neforgeseblaj tagoj kune pasigitaj. Kronis la vesperon piroteknikaĵa spektaklo tuj ekster la koncertejo.

---



Ĉu vi trovis surstrate multajn verdajn flagojn, kiuj anoncas nian kongreson? La malsupra parto de la flago estas verda, kaj ni povas legi, "ESPERANTO, PONTO DE PACO, AMIKECO, KAJ DISVOLVIĜO, HANOJO, 28/7 – 4/8/2012". Supre estas emblemo de la kongreso kaj la simbola marko de Esperanto por la 125-jara jubileo.

---

### El la redaktejo

Sendu viajn manuskriptojn al la redaktantoj: DOI Ĉieko (doi-cik@seaple.icc.ne.jp) kaj NGUYEN THI Ngoc Lan <ngnglan@gmail.com>. Aŭ rekte al la redakta ĉambro (Ĉambro de LKK). Ni atendas viajn kontribuojn!.

Loa!.. Loa!.. Loa!..
Kongresa kuriero de UK-97

N-ro 4
2012-07-31
mardo

KONGRESA KURIERO DE LA 97A UNIVERSALA KONGRESO EN HANOJO, VJETNAMIO

## Aŭtoraj duonhoroj

Ĉiuj tiuj renkontiĝoj okazos en la libroservo (salono Sekelj)

**Ĵaŭde, 2an de aŭgusto**:

**13:30 – 14:00 Amri WANDEL: memorlibro por Josi ŜEMER**

Aldone al la nova IKU-libro kaj verkoj de la pasintaj jaro-libroj pri astronomio kaj kompaktdiskoj de israelaj kantoj en Esperanto, Amri prezentos ne kutiman, kortuŝan redaktaĵon.

Antaŭ kelkaj monatoj forpasis tre ŝatata israela esperantisto Josi ŜEMER. Tuj alfluis el la tuta mondo centoj da kondolencmesaĝoj kiujn Amri kunmetis en retan memorlibron, eldonotan ankaŭ papere. Tiu ĉi duonhoro estos do ne nur aŭtora sed ankaŭ memora.

**Vendrede, 3an de aŭgusto**

**13:30 – 14:00 Stefan MACGILL:** ***Nemave Edifu!***

Ĉu ankaŭ esperantistoj ne bezonas protekton kontraŭ la malamikoj de nia lingvo? Tial ekzistas delonge (sed sekrete) la mirinda (nu, liaopinie) spiono 005 kaj lia ĉefo Z, kiu eventuale havas alian opinion. Pri ili, kaj multo pli, vi povos legi en la verko *Nemave Edifi*, aŭ ekscii de ties aŭtoro Stefan MACGILL. Venu amase (sed al neniu diru, ke vi venas – tio estas ŝtata sekreto).

**16:00 – 16:30 Probal DASGUPTA:** ***Loĝi en homaj lingvoj***

Ĉu necesas prezenti Probal DASGUPTA?

Se vi havas demandojn pri liaj verkoj, jen la ĝusta okazo. Ne maltrafu ĝin!

## Ŝanĝo en la ordo de la vespera programo

Bv. atenti ke **la vesperaj programeroj en mardo** interŝanĝis sian ordon: je 19:30 estos prezentita la filmo "La domo de fantomoj" kaj je 21:15 la teatraĵo "Tiradentes".

**Transporto al salono Zamenhof en mardo**

La busoj al salono Zamenhof, por la vespera programero, ekiras de antaŭ hotelo Melia je la 18:00.

## SZ-Akcepto

Marde, en 18:00 – 19:00 okazos SZ-Akcepto en la kafejo Marquee (ne plu ĉe salono Haszpra!), en la 3a etaĝo de hotelo Melia. Por atingi la kafejon bv. uzi la hotelajn liftojn (NE tiujn aliajn apud salono Lapenna, kiuj portas al salono Haszpra)

## Esperanta Jura Asocio

Oni kunvokas la membrojn de Esperanto-Jura Asocio (EJA), ĵaŭdon, 2an de aŭgusto, je 11:00 ĉe la kafejo de la halo. Tie ni renkontiĝos kaj disdonos la revuon al la membroj, kiuj ankoraŭ ne ricevis ĝin. S-ro Faria DE BASTOS parolos al ni pri tre interesa jura temo. Mi atendas vian cheeston.

Rafaela URUENHA (KN 585)
Prezidanto de EJA

## Katemuloj, atentu!



Kvankam ĉi-jare ne okazos oficiala kunsido de Rondo "Kato", **ĵaŭdon je 12:15** ni saltos kaj eksidos sur la sofoj antaŭ la kasistino de UEA, en la 2a etaĝo.

Estas malpermesite endormiĝi.

Francisco VEUTHEY <franchjo@yahoo.com>

## Belartaj Konkursoj

Ĵaŭde en 16:30-18:00 en salono Nguyen Minh Kinh okazos la jam tradicia prezento de la gajnintoj de la Belartaj Konkursoj de UEA. Venu por koni la novajn verkistojn, kaj por kune omaĝi al jam famaj verkistoj kiaj Marjorie BOULTON, Sylla CHAVES kaj MIYAMOTO Masao kaj malkovru la ruĝan fadenon kiu ligas tiujn tri gravajn personecojn de la Esperanta literaturo. Humphrey TONKIN, prezidanto de B.K., gvidos vin en tiun esploron.

Michela LIPARI
ĝenerala sekretario de B.K.

## Ekumena Diservo




Ĝi komenciĝis je 15:00 en protestanta preĝejo. 22 gefratoj kunvene havis diservon. Ne estis pastro, nek pastoro. Foto: loka grupo ofere kantis himnon kun pianludanto esperantista juna.

JAMADA Tadaŝi (KN-744)

## Nacia Vespero

Nacia Vespero okazis la 29an de julio, marde, en 20:00 – 22:00, en Halo Zamenhof.

La salono estis plenplena. La programo, preparita kaj donita de la Kant-Instrumenta Ensemblo "Thang Long" enhavis jenajn erojn: 1. Danco "Festa Tamburado de Thang Long"; 2. Solo dan bau "Panjo amas vin"; 3. Kanto kaj danco: "Pistilaj sonoj en la vilaĝo Bom Bo"; 4. Solo Fluto "Eĥo kaj reeĥo de la montaroj"; 5. Danco "Festo de Lamplumo"; 6. Muzikaĵo de la suda folklora kanto "Nigra Ĉeval' – Hop!"; 7. Fragmento el la cheo-verko: Thi Mau; 8. Solo dan tranh "Lotusa Parfumo de Dong Thap"; 9. Dueto Trumpeto-Tamburo: "Batala tamburado de Tay Son"; 10. Solo Ŝtonmuzikilo "La eĥo de la Centra Altebenaĵo"; 11. Prezento de muzikilo T'rung "Lulkanto al la arbaro"; 12. Danco "Printempaj palpebrumo Quan Ho".

Al mi kiel vjetnamo plaĉis, ekzemple, n-roj 2, 4, 9 kaj 11. Pri n-ro 7 mi pensas, ke ĉar ĝi estas vjetnamlingve multvorta kaj sufiĉe longdaŭra (eble dekkelk-minutojn), ĝi povus tute simple tedi. Laŭmezure de la longo mi eĉ antaŭtimis ke jen ekestos aplaŭdoj protestaj (!). Feliĉe, tio ne okazis, la esperantistaj spektantoj pacience kaj diplomatece sekvis la programeron ĝis la fino!

Por ne tedigi ĝin, mi ŝatus proponi ke la teksto de la kanto de Thi Mau en Espernta traduko aperu sinkrone sur granda ekrano antaŭ ĉies okuloj.

Resume: La programo de la Nacia Vespero estis riĉenhava, multkolora, bone organizita, kun ĉarmaj dulingvaj anoncistinoj, kaj mi supozas ke la spektintoj restis kontentaj pri ĝi.



HOANG Ngoc Boi
KN 78

Vjetnamio estas vere lando plena de tradiciaj kantoj, muziko kaj dancoj.

Aŭskultantoj multe ĝuis dancojn ludatajn de belkostumaj junulinoj kaj dramon "F-ino Maŭ al pagodo", sed plej mirigis ilin muzikoj ludataj de jenaj muzikiloj:

*Dan baŭ* (unu-korda muzikilo kun stangeto, kiun la ludisto delikate movis kaj kreis susurantan kaj plorantan melodion.

*Sao*: bambua fluto, el kiu naskiĝis akraj aŭ malakraj aŭ tremantaj sonoj.

*Trun*: bambua, vertikala ksilofono, kiun la ludistino ludis kun pasio kaj mirinda tekniko, ensorĉis la aŭskultantojn.

Ĉiuj aŭskultantoj estis fascinitaj de belaj koloroj kaj belaj melodioj, kaj Vjetnamio pli proksimiĝis al iliaj koroj. HORI Jasuo (KN-121)



**Tri hajkoj**

verda aleo –
homoj sur motorcikloj
trakuras vigle

apud aŭtvojo
ruĝa bovido maĉas –
verda rizkampo

abrupta pluvo –
homoj sub pordtegmento
laŭte pridiras

28an de julio 2012
HIROTAKA Masaaki
(KN 706)

## Ni vizitis la Militan Historian Muzeon

Ekster la programo de la kongreso, la 29an de julio, je 14:00, 18 kongresanoj grupe vizitis la Militan Historian Muzeon, Hanojo, kie estas angulo de la libro *Flamigi mian korpo*n pri JUI Ĉuunoŝin, japana esperantisto. La 11an de novembro 1967 li sin bruligis proteste kontraŭ por-usona politiko de la japana registaro pri la Vjetnama Milito kaj Okinavo. Li mortis la sekvan tagon. HIGA Koubun, la aŭtoro de la libro, membro de Esperanto-Societo de Okinavo, ĵus fondita, donacis la libron, kaj la muzeo ĝin ekspozicias, kaj direktoro de la muzeo dankis la kongresanojn.





La libro *Flamigi mian korpon* (maldekstre) kaj aliaj materialoj pri Jui en la muzeo

---

## Nova libro memore al la Kongreso



*La Rakonto pri Kjeŭ* verkita de vjetnama granda poeto, NGUYÊN Du, baziĝas sur la romano *Kim Vân Kiêu* de ĉina verkisto THANH Tâm Tài Nhân. Kvankam ĉiuj personaj kaj geografiaj nomoj estas ĉinaj kaj ĉiuj eventoj okazis en Ĉinujo, ĉiuj pensoj kaj sentoj estas tute de vjet-namoj...

La apero de la nuna Esperanta versio de *La Rakonto pri Kieŭ* rezultas de konverĝo de multaj favoraj cirkonstancoj: en 2006, LÊ Cao Phan donacis sian broŝuron al Renato CORSETTI, tiama prezidanto de UEA. Corsetti forte aprobis la iniciaton de LÊ Cao Phan. Li deziris, ke tiu ĉi traduko estu lingve plibonigita je internacia nivelo kaj aperu sub belaspekta formo. Tiu bela intenco entuziasmigis VEA-n kaj ankaŭ LÊ Cao Phan, kiu konfidis al VEA ĝian efektivigon.

Petita de la lasta, Renato CORSETTI estigis, komence de 2010, la internacian laborgrupon de kvar anoj inkluzive de li mem kiel administranto kaj redaktanto, Baldur Ragnarsson kiel ĉefa lingva revizianto, Gerrit BERVERLING kaj Keyhan SAYADPOUR kiel reviziintoj. Ĉe la vjetnama flanko, kvar esperantistoj estis komisiitaj rilate al la aferoj pri administrado, lingvo kaj teĥniko. Malofta estas tia grandega internacia kunlaboro por prilabori literaturan ĉefverkon dum ĉirkaŭ dudek monatoj. La traduko ne plu estas persona propraĵo, sed fariĝas frukto de internacia kunlaboro.

(el Antaŭparolo de la prezidanto de Vjetnama Esperanto-Asocio en la libro)

---

## Nia kongreso aperis sur ĵurnalo

En la 30a de julio nia kongreso aperis sur ĵurnalo *Viet Nam News*. Oni skribas: pli ol 1000 homoj el 62 landoj kunvenas en Hanojo. En la inaŭguro de la kongreso salutis la vicprezidanto de la ŝtato, kaj ŝi parolis, ke estas bona ŝanco, ke Vjetnamio povas montri sin kiel pacamantan landon. Troviĝas ankaŭ foto de la inaŭguro. La foto montras, ke vicprezidanto de la Vjetnama Socialista Respubliko donacas Amikecan Medalon al la prezidanto de UEA.



Esperanto becomes language of peace

Province hosts seaport festival

Authorities told to speed up granting of land titles

**Versoj**

Trafikiloj, ve, sur vojoj
Traveturas, fi, kun bojoj!
Tra bruego en Hanojo
Trovas sin abunda ĝojo!

Ŝin Kiro

## Mesaĝo de Louis Christoph Zaleski-Zamenhof al la 97-a UK

Estimata Sinjorino Alta Protektanto,
Sinjoro Prezidanto,
Estimataj Gekongresanoj,
Geamikoj tre karaj,

vi kunvenis laŭkutime en la centro de Esperantujo, situanta ĉi-jare malproksime laŭ distanco, tamen ĉiam proksime al mia koro.

Dum via Kongreso vi debatos pri la ponto al paco, al amikeco kaj al disvolviĝo, temo por mi, ponto-konstruisto, aparte interesa, precipe pro la nomo de tiu ponto: **PONTO ESPERANTO**!

Tial mi komprenis, ke elektinte siatempe mian inĝenieran profesion, mi neniel perfidis la kuracistan tradicion de la familio. Ne, mi ĝuste sekvis la Avon, kiu ja prezentiĝas kiel la inĝeniero de tiu ponto ...

Laŭ ekzistanta tradicio, la inĝeniero staras sub sia ponto, kiam la unua trajno aŭ la unua ŝarĝaŭto ĝin trapasas. Mi ĉiam sekvis tiun tradicion kaj mi konsideras, ke sekvis ĝin ankaŭ mia Avo. Ĉar Li daŭre estas vivanta en la koro de ĉiu esperantisto, ni povas konkludi, ke la Ponto Esperanto neniam rompiĝis kaj daŭre nin kondukas al paco kaj al amikeco!

Mi forte deziras al la Kongreso, ke ĝiaj debatoj estu fruktodonaj kaj kreu favoran eĥon tra la mondo.

Ludoviko K. Zaleski-Zamenhof

## Saluto de la israela ambasadoro s-ro Amon Efat:

Mi havas la honoron diziri sukceson de la Universla Kongreso de Esperanto en la nomo de la ŝtato Israelo, kaj bonvenigi vin al la Azia Kongreso kaj al la Internacia Junulara Kongreso okazontaj en Israelo la venontan jaron.

## Okazis bankedo gaja

Bankedo okazis vespere lunde (la 30an de julio, en 19:30 – 21:00). Partoprenis en ĝi 202 personoj.



## Internacia Arta Vespero

Por Internacia Vespero, kiu okazos vendrede vespere, 18 grupoj el 4 kontinentoj anoncis sian partoprenon. Do vi povos sufiĉe ĝui internaciecon de la prezentado.

### El la *redaktejo*

Sendu viajn manuskriptojn al la redaktantoj:

Doi Ĉieko (doi-cik@seaple.icc.ne.jp) kaj Nguyen thi Ngoc Lan <ngnglan@gmail.com>. Aŭ rekte al la redakta ĉambro (Ĉambro de LKK). Ni atendas viajn kontribuojn!

Pardonon! En la tria numero de *Loa!.. Loa!.. Loa!..* p.2 kaj p.3 estis interŝanĝe presitaj. Bonvolu atente legi. (red.)

Loa!.. Loa!.. Loa!..
Kongresa kuriero de UK-97

# N-ro 5
2012-08-02
ĵaŭdo

KONGRESA KURIERO DE LA 97A UNIVERSALA KONGRESO EN HANOJO, VJETNAMIO

## Komuna kunsido de IKUE kaj KELI

Ĝi okazos **ĵaŭde je 17:00 en la salono Matland.** Dum la kunsido oni tralegos la salutleterojn de la prezidantoj de IKUE kaj KELI kaj donos koncizajn informojn pri la agado de ambaŭ organizoj.

La ĉeestantoj havos eblecon ankaŭ aŭdi prelegon de LE Minh Thu pri religioj en Vjetnamio. Nome de IKUE kunordigos Flory WITDOECKT (KN 231)

## Dua Komitata Kunsido

Bv. atenti ke la dua Komitata Kunsido, **vendrede**, okazos **en salono Haszpra**, en la 7a etaĝo, atingebla nur **per la liftoj apud salono Lapenna**.

## Gravaj informoj pri la KER-ekzamenoj

Festa disdono de la KER-atestiloj por cento el tiuj, kiuj ekzameniĝis dum la TUTMONDA ekzamentago, okazos **vendredon, je 12:00** ĵus antaŭ ol la skriba ekzameno komenĉiĝos. Ni petas ĉiujn, kiuj devenas el la ekzamenurboj, kaj precipe tiujn, kiuj tiam trapasis la ekzamenon, ke ili aperu en tiu tempo antaŭ la salono Jerman por mallonga ceremonio.

Tiuj kandidatoj de la nuna ekzamensesio, kiuj jam aliĝis rete kaj ne vidas sin en la listo de la 20-minutaj parolaj sesioj, bv. urĝe kontakti Katalin KOVATS. Novaj kandidatoj ne aliĝu sen interkonsento pri ekzamentempo, ĉar la ebloj jam estas limigitaj.

Katalin KOVATS (KN 729)

## Aŭkcio atendas vin!

Ĉu vi volas imponi en la venontjara UK en Rejkjaviko kiel la kongresano n-ro 1? Tiun honoron vi povos aĉeti en la aŭkcio, kiu okazos **vendredon**, la 3an de aŭgusto, **je 16:30 – 18:00 en la salono Haszpra** (7a etaĝo). Gvidos ĝin prof. Humphrey TONKIN.

Pluraj aŭkciaĵoj estas raraj kaj malfacile troveblaj, kiel ekzemple la bindita kolekto de la literatura gazeto *La Revuo*, sept. 1912 – aŭ 1913, kaj la bindita jarkolekto 1952 de *El Popola Ĉinio*. Tamen, ili ne ĉiam atingos altajn prezojn, precipe tiuj, pri kiuj hazarde nur vi interesiĝos.

La gajno de la aŭkcio iros favore al la Volontula Fondaĵo de UEA. Vi povos pagi viajn aĉetojn kontante, kreditkarte aŭ per via UEA-konto.

## Kunveno de Ateistoj

**Vendredon, 12:15 – 13:30**

La temo de la publika kunveno estas: "Ĉu libera merkato por vendistoj de kredoj?" Alivorte, ĉu ŝtatoj nepre devus permesi liberan disvastigon de kredoj, kiuj apartenas al tute alia socio kaj kulturo? Kaj ĉu ili devus permesi instruon de ideoj, kiuj havas neniun historian aŭ faktan bazon?

Anna LÖWENSTEIN (KN 681)

## Kvinbesta gimnastiko

GAO Youming (Kamelia) el Ĉinio prezentos Ĉinan Tradician Kvinbestan Ludon: gimnastiko el bestaj aspektoj

Jam en pratempo ĉinoj konis kaj imitis diversajn bestojn por danci kaj gimnastiki. Antaŭ 1800 jaroj la fama kuracisto Hŭato kreis kvinbestan ludon surbaze de antaŭulaj lecionoj kaj de siaj kurac-spertoj por sanigi internan organon de la homo, esplorinte aktivajn karakterizojn de la kvin bestoj: tigro, cervo, urso, simio kaj birdo. Temas pri la plej frue skribita spiruma gimnastiko en Ĉinio. Poste naskiĝis diversaj skoloj ĝis hodiaŭ. Okazos prezento de la kvinbesta ludo aperinta en la jaro 2002, kompilita de fakuloj de Ŝanhaja Sporta Kolegio kaj subvenciita de Ĉina Sporta Ministerio. La kvinbesta ludo estas science kompilita el pasintaj spertoj kaj arkeologiaj trovoj. Praktiki la bestan gimnastikon ebligas atingi bonegan sanon kaj psikan ĝojon.

**vendrede, 11:00-11:45, en Ĉambro Urbanova**

## La prezantado de akvo-pupoj!



La prezantado de akvo-pupoj en teatraĵo komenciĝos, **vendrede je 18:30**. La teatro troviĝas apud la hotelo Melia, fronte al la bordo de la lageto Hoàn Kiêm. Vi do povas iri tien piede.

## Okazis prezentado de "aozajoj"
### (vjetnamaj virinaj roboj)

Je 14:00 de la 30a de julio okazis la prezentado de "aozajoj" (vjetnamaj virinaj roboj) kun la kontribuo de la plej fama kompanio de modo "Ngan An" en Vjetnamio, kiu estis aljuĝita al gravaj premioj.

La programo enhavis sep kolektojn de roboj de malnova tempo ĝis nuntempo:



Estis roboj kun kvar baskoj, 1) blanka de fraŭlinoj sen desegnaĵoj, vestita kun nigra pantalono, 2) diverskolora kaj ornamita de divers-specaj floroj, vestita kun kolora pantalono, 3) kun desegnaĵoj de antikvaj stratoj de Hanojo (vd. la foton), 4) kun diversaj koloroj de belaj floroj.

La sep kolektoj prezentitaj inkluzivas la luksan nomitan "Orienta Nokto" kaj la modernan, kiu taŭgas al virinoj de ĉiuj aĝoj.

La roboj estis bele prezentitaj de sep fraŭlinoj, anoj de la famkonata klubo "Venuso" de manekenoj en Hanojo. Ilia ĉarmo aldonita al la beleco de la roboj tiel allogis la spektantaron, ke ili estis varme aplaŭditaj kaj multaj foto-aparatoj turniĝis al ili.

La prezentado donis profundan impreson pri vjetnaminoj kaj iliaj roboj, kiuj pliigas ilian belecon kaj havigas al ili grandan simpation kaj estimon.

## Kongresa Balo

Se vi serĉas programeron por aktivigi kaj vigligi samtempe plurajn dekojn da esperantistoj el ĉiuj mondopartoj, bonvenon al la Kongresa Balo. Lundon, la 30an de julio iom post la oka vepere ekdancis kongresanoj je surprize mallaŭta muzik-



nivelo. Post fino de la bankedo je la naŭa kaj iom, eklaŭtiĝis la muziko kaj multiĝis la dancantoj, sur plen-pleniĝinta dancejo. Aparte memorfiksiĝis koregrafia danco japana je gvido de japano kimone vestita. Dancis ne nur homoj kun homoj, sed ankaŭ la KKS, anoj de BEL, ELI, BEJO, AIS, VEJO, IEJ, IEF, JEI kaj multaj pliaj, inkluzive de maskita homo! (KN-667)

## LSG aktivas

Kvankam ĉi-jare ne okazas oficiala membrokunveno, post la kongresa balo membroj de Ligo de Samseksamaj Geesperantistoj neformale renkontiĝis en nokta Hanojo. Jen kroma maniero efike starigi amikecajn kaj pacajn pontojn al samideanoj de la kongresa urbo ! **Ĵaŭde je 20:30** denove okazos tia renkontiĝo: rendevuo ĉe la hotela enirejo.

Sébastien Montagne, (KN-703)

## Bona novaĵo por sciencamikoj

Unu jaron post sia elektiĝo, la nova estraro de ISAE (Internacia Scienca Asocio Esperantista) povis dum la Faka Forumo prezenti la modernigitan eldonkoncepton de *la Scienca Revuo*. Ĝi estas unu el la plej longdaŭraj esperantlingvaj periodaĵoj (ekde 1949). Se vi interesiĝas legi aŭ verki sciencajn artikolojn en Esperanto registriĝu en la retejo http://scienca-revuo.info., aŭ parolu rekte al:

Mélanie MARADAN (KN-555)
aŭ Johannes MUELLER (KN-649)

## Pri ĝemelurba agado

Marde la 31an okazis la kunsido pri ĝemelurba agado kiun gvidis Maritza GUTIERREZ, estrarano pri landa kaj regiona agado kun la helpo de Pieter ENGWIRDA. Oni parolis pri la dekjariĝo de la projekto sub gvido de s-ro WU Guojing el Ĉinio kiel komisiito. Estis prezentita en presita formo la Informilo de



Ĝemelaj Urboj n-ro 40 kiu estis speciala eldono de la reta bulteno kiun oni ankaŭ prezentis dum la Movada Foiro. S-ro Peter skizis la nuntempan staton de la laboro por realigi malnovan deziron enretigi la koncernan agadon kiu ĝis nun aperas kaj en la informiloj kaj en la retejo aliaflanke. Oni agnoskis la bezonon subteni tiun iniciaton kiu jam ekas kun la subteno de UEA kaj la CO. Diversaj reprezentantoj raportis proprajn spertojn kaj oni resumis kelkajn ideojn pri la manieroj realigi la celon havi en retpaĝo kaj en Vikipedio aktualigitajn informojn pri la sukcesoj atingitaj, pri planoj, kunlaboremo de landaj asocioj kaj individuoj ktp. Estis peto transdoni al la subkomitato pri landa kaj regiona agado kellkajn rekomendojn kiuj estis notitaj kaj oni alvokis kontribuon de esperantistoj kiuj pretas labori en difinitaj taskoj en estonte kreota laborgrupo kunlabore al la komisiito kies laboro dekjara estis elstarigita.

Raportis Maritza GUTIERREZ (KN66)

## Eŭropa Komisiono de UEA

En la UEA-mondon venis nova Regiona Komisiono – La Eŭropa Komisiono, oficiale kreita antaŭ 3 monatoj, estis prezentita al iom pli ol 15-homa publiko. Tiel estis detaligitaj pluraj aspektoj: kialoj, konsisto, anoj, agad-direktoj, laborplano por 2012, kelkaj jam komencitaj agadoj kaj projektoj (Malto, Kipro, Grekio ...). Dum la kunsido oni ankaŭ debatis pri la lukto kontraŭ ŝengenaj vizoj, pri nombro de landoj en Eŭropo. Multaj promesplenaj agadoj kaj projektoj atendas la Eŭropan Komisionon de UEA. Bonvenas viaj helpo-sinproponoj, sugestoj, rimarkoj!

KN-667

## Al vjetnamaj partoprenantoj!

La vjetnamaj partoprenantoj de la 97a UK ricevis donackuponon, kiu rajtigas aĉeti librojn, diskojn, insignojn aŭ aliajn varojn en la kongresa libroservo. La valoro de la kupono estas 900.000 dongoj (ĉ. 36 eŭroj).

UEA elkore dankas al ĉiuj, kies donacoj al la kampanjo "Libroj por Vjetnamio" ebligis tion!

## Parkera kantado de la himno "La Espero"

Sukcesis en la ekzameno tri kandidatoj. Ili pligrandigis la nombron de "Societo parkere kanti la himnon". Poste ili mem rajtas ekzameni novajn kantistojn.

Partoprenis entuziasme plena salono da kongresanoj. Kiu ankoraŭ kuraĝos kaj deziras ekzameniĝi bonvolu turni vin al:

Dieter ROOKE (KN-736)

## Indioneziaj kongresanoj

La karavano de esperantistoj el Indonezio partoprenantaj en la 97a UK konsistas el 14 anoj, el kiuj 12 ĉeestas unuafoje en UK.

S-ro Abdul Haris Adnan, kiu estas tute nova kongresano, jam partoprenis en Komuna Seminario de junaj esperantistoj de kvin aziaj landoj okazinta en Hanojo en 2010. Post tiu regiona kunveno, li gardis kontakton kun siaj novaj geamikoj pere de *Facebook*. La Universala Kongreso profunde impresis lin, kaj li speciale interesiĝis pri la Nacia Arta Vespero, pri la tradiciaj muziko kaj danco de vjetnamaj artistoj. S-ino Ilia Sumilfia Devi, sekretario de Esperanto-Klubo de Ĝakarto partoprenis en UK la duan fojon kaj ankaŭ ĉeestis en la Komuna Seminario de 2010. Ŝi rimarkis, ke en la 97a UK ĉio estas en bona ordo. Laŭ ŝi, Esperanto estas en multaj landoj. UK estas bona okazo por konatiĝi kun eksterlandaj esperantistoj kaj landoj. Danke al UK-97, ŝi revizitas Hanojon, kaj kontaktiĝas kun interesaj homoj, konatiĝas kun vjetnamaj kulturo, kutimoj kaj ankaŭ manĝaĵoj.

## Aperis Novaĵletero de Esperantista KAT-amikaro/Rondo "Kato",

**n-ro 4 (28 jul. 2012)**

En ĝi estas skribaĵo pri "Katoj en Vjetnamio": kataĵo, kato anstataŭ kuniklo, kato en hodiaŭa Vjetnamio.

La kunsido de kat-amantoj okazos, **ĵaŭdon je 12:15** sur la sofoj antaŭ la kasistino de UEA, en la 2a etaĝo.




*Karaj katŝatantoj,*

*Katoj multe gravas al ni. Ili donas al ni amon, ĝojon kaj trankvilon tamen ankaŭ malĝojon kaj malesperon. Baldaŭ vi povos legi mian artikolon pri la perdita kato Po.*

*Pri miaj propraj katoj: pasis ĝojo pro belaj katidoj, konatiĝo kun novaj geamikoj en formo de kat-aĉetantoj, katekspozicioj kaj, por mi kaj la katoj plej agrable, restado en la somera dometo ĉe arbara lago. Pli detale vi povas legi esperantlingve en mia blogo http://isrosens-bilder.blogspot.com/*

*En la UK en Hanojo Rondo "Kato" ne havos oficialan kunvenon kaj mi mem pro financaj kialoj ne povas veni, tamen mi esperas, ke kelkaj katŝatantoj trovos unu la alian tie kaj aranĝos almenaŭ etan kunvenon.*

*Fine de marto nia prezidantino Marjorie Boulton suferis apopleksion. El sia hospitala lito ŝi sendas salutojn al la kongresanoj en Hanojo kaj aparte al la katemularo. Niaflanke, ni deziras al ŝi baldaŭan resaniĝon!*

***Ingrid Näsholm***




**Kataĵo**

Konsumi kataĵon estas malpermesita en Vjetnamio sed nur teorie kaj sekve ekzistas restoracioj, kiuj servas ĝin —kutime anoncitan kiel "tigreto"—. Tamen, "nur la plej tradiciaj tavoloj de la socio ankoraŭ vidas katomanĝadon kiel bonŝancigan", laŭ Mai Pham Thi Tuyet, estro de bestkuraca klinko Asvelis en Hanojo. Kaj kvankam pasintjare ĝia konsumado kreskis, tio okazis nur pro la Jaro de Kato en Vjetnamio. "La praktiko iĝas malpli kaj malpli ofta pro la plibonigo de vivkondiĉoj

*(kontribuaĵo)*

## VJETNAMIO SONĜO MIA ...

Vjetnamio, vjetnamio,
Mia sonĝo, revo mia,
Vi min logas jam delonge, ter' amata,
Ĉar tie loĝas esperanta mia frato...

La revoj emas efektiviĝi –
Kaj jen ni povas denove renkontiĝi.
Mi ekamis vian landon Vjetnamion,
Amiko kara, amiko mia.
Kaj ne vane tra la jaroj
neŝanĝante absolute
En la animo sonis la Bambua fluto...

Vjetnamio, Vjetnamio,
Mia sonĝo, revo mia,
Vi min logos certe ĉiam, ter' amata,
Ĉar plinombriĝas geamikoj kaj gefratoj!

Vjetnamio, sonĝo mia...

Dina Lu KJANEC
rusa esperantistino

## deklogoj (versoj)

varmdiskut' –
multlandanbuŝ'
samlingve

kongresej'
en voĉ' esp-a
ebriu!

aŭdas mi
Esperanton
tutkorpe

absorbe
senkonscia
longsidad'

belmonto (KN 576)

Ĉu vi jam legis "Tri hajkoj"-n en n-ro 3 de la kuriero? La verkinto, HIROTAKA Masaaki parolos pri sia verko *Kiel verki Esperantan Hajkon* en "Libroj de la Jaro" (**ĵaŭde, 12:15 – 13:15**). Bonvolu veni, ni elkore atendas vin!

SOMEKAWA Takatosi (KN-625)

## Novaj aliĝintoj de la kongreso

846 S-ro Kanna Baran RAJAGOPAL
847 S-ro Heinz MUHSAL
848 S-ino LU Wang
849 S-ro NAKADA Hisato
850 S-ro Fernando L. Fernando Puhl (Brazilo)
851 S-ro Roberto LEEREVELD (Aŭstralio)
852 S-ro Marcel LEEREVELD (Aŭstralio)
853 S-ino Anna-Marie GALESNE (Francio)
854 S-ro Augusto Casquero DE LA CRUZ (Vjetnamio)
855 S-ro Raimo TUISKU (Finlando)
856 S-ro Ryusuke SATO (Japanio)
857 S-ro Aleksandr MELNIKOV (Rusio)
858 S-ino LUO Hancheng (Ĉinio)
859 S-ro Liuxi ZHOU (Ĉinio)
860 S-ro Burkhard RISSE (Germanio)
861 S-ro Gabriele CORSETTI (Ĉinio)
862 S-ro YAMAMOTO Nioe (Japanio)
863 S-ro NIŜIMORI Kimio (Japanio)
864 S-ino FAN Qiu Ju (Ĉinio)
865 S-ro Akacuki NAKAJIMA (Japanio)
866 S-ino Kosho SASAKI (Japanio)

## Salutmesaĝo

Karaj partoprenantoj de la 97a UK!

La Esperanto-urbo Herzberg am Harz sendas korajn salutojn al vi. Mi esperas, ke vi havos bonan veteron kaj bonajn tagojn dum la kongreso.

Kun ĝojo mi memoras la kongreson en Roterdamo kaj mi ankaŭ havas belajn memorojn pri la Internacia Fervojista Kongreso en majo de la nuna jaro en mia urbo.

La sekva grava evento estos la 46a Konferenco de la Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj post unu jaro, en 2013, en Herzberg – mi esperas, ke ni renkontos vin tie!

Mi dankas al ĉiuj personoj, kiuj per organizado de kaj partoprenado en tiaj aranĝoj subtenas nian Esperanto-agadon.

Sukcesan kongreson en Hanojo deziras

Gerhard Walter
urbestro en Herzberg am Harz
– la Esperanto-urbo

**El la redaktejo**

Sendu viajn manuskriptojn al la redaktantoj:
DOI Ĉieko (doi-cik@seaple.icc.ne.jp) kaj NGUYEN THI Ngoc Lan <ngnglan@gmail.com>. Aŭ rekte al la redakta ĉambro (Ĉambro de LKK).

Loa!.. Loa!.. Loa!..
Kongresa kuriero de UK-97

N-ro 6
2012-08-03
vendredo

KONGRESA KURIERO DE LA 97A UNIVERSALA KONGRESO EN HANOJO, VJETNAMIO

## Provizora teksto de la kongresa rezolucio

Tradicie, en la fermkunsido de la kongreso oni prezentas tekston de kongresa rezolucio, kiu estos la oficiala deklaro de la kongreso al ekstera publiko.

Ĉi-jare la komisiono pri la kongresa rezolucio (komitatanoj Mark FETTES, Amri WANDEL kaj Mireille GROSJEAN) pretigis tekston ĝustatempe por pritrakti kaj plibonigi ĝin en la lasta kunsido pri la kongresa temo. Kvankam la rezolucio ankoraŭ atendas la aprobon de la Komitato de UEA vendredon matene, ni publikigas ĝin ĉi tie kun alvoko al la kongresanoj: Traduku ĝin en vian lingvon! La teksto enhavas nur 200 vortojn kaj ne estas malfacila. Donu vian tradukon (tajpitan aŭ en tre klara manskribo) al la oficejo de la Kuriero, aŭ sendu ĝin per retpoŝto al la adreso: doi-cik@seaple.icc.ne.jp. Ni poste disponigos la tradukojn en la retpaĝoj de la kongreso.

Mark FETTES

## 125-jara, Esperanto konstruas pontojn al pli justa kaj paca mondo

Kunvenante en Hanojo, Vjetnamio, de la 28a de julio ĝis la 4a de aŭgusto 2012, pli ol 800 partoprenantoj en la 97a Universala Kongreso de Esperanto rekonfirmas la gravecon de lingvo konstruita sur la idealoj de paco, amikeco kaj reciproka respekto.

Por homoj el ĉiuj landoj kaj vivofonoj, Esperanto proponas praktikan kaj potencan rimedon por rekta kontakto, reciproka interkonatiĝo kaj profunda amikiĝo.

Por mondo kie ankoraŭ abundas konfliktoj kaj maljustaĵoj, Esperanto proponas kulturon de paco, kiun kunkonstruas en egaleca etoso homoj el ĉiuj kontinentoj.

Por internacia komunumo kiu klopodas realigi la Jarmilajn Evoluigajn Celojn de Unuiĝintaj Nacioj, Esperanto proponas kompletigan evoluvojon al tutmonda partnereco, en kiu kunlaboras ne nur ŝtatoj kun ŝtatoj, sed homoj kun homoj.

125 jarojn post sia apero, Esperanto estas ĉiam pli vaste uzata kiel ponto al amikeco, paco, kaj disvolviĝo – evoluo akcelata per la disvastiĝo de alia tutmonda komunikilo, Interreto. Tion oni vidas interalie per la ĉi-jara aldono de Esperanto kiel 64a lingvo en la ret-tradukilo de *Google*.

Ni invitas homojn el ĉiuj landoj utiligi kaj kunkonstrui tiun ponton, cele al pli justa kaj paca mondo, kie disfloras ĉiuj lingvoj kaj kulturoj.

## Invito al Koncerto

Vendredon je 13:45 – 14:45, la Internacia Esperanto-Ĥoro okazos. Viaj amikoj regalos vin per internacia programero de tradiciaj kaj novaj kantoj. Vi ĉiuj estas bonvenaj.

Kondukisto Alan BISHOP (KN 271)

## Akva Pupteatro Thang Long en Esperanto

La Akva Pupteatro Thang Long proponas programon en Esperanto, en vendredo (hodiaŭ), je 18:30.

La invitiloj por tiu prezento preneblas ĉe la informejo. La kapacito de la teatro estas malgranda, do, rapidu preni vian invitilon!

## Subkomitato pri landa agado kunsidis

Kun partopreno ne nur de komitatanoj, sed ankaŭ de pluraj aktivuloj kaj interesitoj okazis la subkomitata kunsido pri landa kaj regiona agado kies rekomendojn oni pritraktos vendrede en la fina kunsido de la komitato de UEA. Tamen, indas mencii ke intereso de la partoprenantoj rilatis, interalie, al la rolo de la regionaj/kontinentaj komisionoj en la trejnigo de instruistoj kaj en la realigado de diversaj kulturklerigaj aranĝoj kiuj tra la jaro efektiviĝas en

la landoj koncernataj. Oni ankaŭ pledis por ke la regionaj komisionoj pli kaj pli aktive rolu en la plenumo de konkretaj iniciatoj kaj planoj. Sendube temis pri interesa kaj partoprena kunsido kiu permesis interŝanĝi spertojn pri tiu ĉi agadkampo. Interesitoj pri la rekomendoj de la subkomitato povas, en vendredo, ĉeesti la kunsidon de la komitato de UEA kiu estas malferma al la publiko.

M. Gutierrez (KN 66)

## Esperanta Jura Asocio (EJA)

Membroj de Esperanta Jura Asocio kunsidis ĵaŭdon matene, kaj ricevis la jaran numeron de nia revuo *Jura Tribuno Internacia*. La Prezidanto informis pri la laboro farita dum la jaro, kaj la taskoj farendaj. Poste S-ro Miguel Faria de Bastos, advokato en Portugalio kaj Angolo parolis al ni pri advokatado en Angolo, ekde la koloniisma periodo ĝis la nuntempo, post la aktuala konstitucio de Angolo de 2010. Je la fino oni multe komentariis inter la ĉeestantoj kaj oni faris multajn demandojn al s-ro Faria de Bastos, kiu alloge klarigis ĝin. Post horo kaj duono, la Prezidanto finis la kunsidon.

Rafaela Uruenha (KN 585)
(Prezidanto de EJA)

## Rezultoj de la Belartaj Konkursoj de UEA en 2012

**POEZIO**:

**1-a premio**: Aleksandro Mitin (Rusio) pro "Inspiro";
**2-a premio**: ne aljuĝita;
**3-a premio**: Timothy Brian Carr (Britio) pro "La arto de la Poezio" kaj Luiza Carol (Israelo) pro "Kandanco";
**Honora mencio**: Aleksandro Mitin (Rusio) pro "Rivero Honto" kaj Jesper Jacobsen (Francio) pro "Homsaĝo".
(Partoprenis 43 verkoj de 22 aŭtoroj el 14 landoj.)

**PROZO**:

**1-a premio**: Sten Johansson (Svedio) pro "Tri legendoj";
**2-a premio**: Ewa Grochowska (Francio) pro "Sabla reĝlando";
**3-a premio**: Sten Johansson (Svedio) "Vasta domo";
**Honora mencio**: Lena Karpunina (Rusio) pro "La amnestipeto" kaj Jesper Jacobsen (Francio) pro "Subtenu min".
(Partoprenis 21 verkoj de 15 aŭtoroj el 11 landoj)

**ESEO**:

**Premio "Luigi Minnaja"**: Sten Johansson (Svedio) pro "Ivan Ŝirjaev – la evoluo de verkisto" kaj Luiza Carol (Israelo) pro "La puzlo pri la elefanto";
**2-a premio**: ne aljuĝita;
**3-a premio**: Aleksandro Melnikov (Rusio) pro "Leksikaj novismoj kaj neologismoj: anatemi aŭ odi?";
**Honora mencio**: Sten Johansson (Svedio) pro "Ĉu fundamenta evoluo aŭ neologisma glosolalio?" kaj Brandon Sowers (Usono) pro "Perspektivoj pri esperanta kinarto".
(Partoprenis 12 verkoj de 8 aŭtoroj el 7 landoj)

**TEATRAĴOJ**:

**1-a premio**: Carmel Mallia (Malto) pro "Najbaroj";
**Honora mencio**: Adrienne Pásztor (Hungario) pro "Ombro en lumo" kaj José Eduardo Rosa Crispim (Portugalio) pro "Fetorafero".
(Partoprenis 4 verkoj de 4 aŭtoroj el 4 landoj)

**INFANLIBRO**:

**Premio "Infanlibro de la Jaro"**: eldonejo PRO100 (Pollando) pro "Kato Koloro" de Moises Gutierrez Raimundez, tradukita de Przemysław Wierzbowski.
(Partoprenis 6 verkoj de 6 eldonejoj el 6 landoj)

**PREMIO "NOVA TALENTO"**

Jesper Jacobsen (Francio).

## Raporto de UMEA-kunveno

Ĵaŭde je 11:00 –12:00 okazis la jarkunveno de UMEA (Universala Medicinista Esperanto-Asocio). La eventon salutis estrarano Amri Wandel, emfazante, ke UMEA estas la dua laŭ la nombro de anoj el fakaj organizoj, kiuj laboras.

Kvankam neniu el la estraro de UMEA povas partoprei la UK-on, la prezidanto komisiis min gvidi la kunsidon. Unue ĉ. 30 partoprenantoj aŭdis leteron de la honora prezidanto d-ro Imre Ferenczy, kiu informis pri la okazinta Internacia Medicinista Esperanto-Konferenco en Opava, Ĉeĥio, kaj pri novelektita estro, nova prezidantino estas d-rino Eva Kopeĉna el Ĉeĥio.

Due oni diskutis pri tradicia orienta medicino kaj



esploroj – pri tiuj ĉefe de Slovakio, kiu estas malgranda lando, sed kun longa historio de uzo de orientaj kuracmetodoj. En Slovakio akupunkturo estas jam longe oficialigita fako de medicino kaj ankaŭ esploro pri modernaj rimedoj donas rezultojn.

Teodor ROSINSKÝ (KN 269)

## Kio pri IIK, Internacia Infana Kongreseto?

Ĝi estis bone preparita kun la loka gvidantino, s-ino HAI Ly, sed fine ne okazis pro maltro da aliĝintoj. Anstataŭe merkrede okazis tuttaga "akva" porinfana ekskurso kun 7 homoj el 3 landoj. Tiuj vizitis la grandan akvo-amuz-parkon norde de Hanojo, poste la faman akvo-pupteatron kaj fine trinkis bongustajn akvojn en kafejo ludante memorludojn pri bestoj kaj birdoj.



La sekva IIK, en 2013 ĉe Rejkvaviko, atendas infanojn de ĉiuj aĝoj kaj lingvoniveloj.

Bert SCHUMANN (KN 232)

## Karavane de Moskvo al Hanojo per Trasiberia Fervojo

Inter la partoprenantoj de la Universala Kongreso en Hanojo estas 22 personoj, kiuj atingis la vjetnaman ĉefurbon, eble per la plej ekstravaganca maniero – per karavano.

La karavano de Moskvo al Hanojo, organizita kadre de la projekto La Vojaĝo (www.vojagxo.info) startis en la 8a de julio, kiam la plimulto de la partoprenantoj kunvenis por vojaĝi laŭ la Trasiberia fervojo. Ĉeestis je la karavano civitanoj de ses landoj: Brazilo, Nederlando, Norvegio, Francio, Usono kaj Rusio.

La itinero de la vojaĝo trapasis plurajn urbojn: unue, Moskvon, kie karavananoj pasigis du tagojn. Poste – Jekaterinburgo, la unua urbo en azia parto de Rusio, apud limo de du kontinentoj. La karavano daŭrigis la vojaĝon per dutaga veturado laŭ Trasiberio, kaj fine, per renkonto kun Bajkalo, la plej granda lago en la mondo. Tie karavananoj vizitis ankaŭ la valon Tunkinskaja kun monta torento kaj akvofalo, varmajn fontojn, kaj fine, ŝipveturis laŭ la lago al antikva Ĉirkaŭbajkala Fervojo.



Post rusia parto estis la vico de Mongolio. Bedaŭrinde, la grandaj stopiĝoj en la mongola ĉefurbo ne permesis nin viziti ĉiujn ĉefajn vidindaĵojn de Ulanbatoro, sed karavananoj tamen sukcesis viziti la gigantan statuon de "la mastro de la mondo" – Ĉingis-hano kaj aĉeti mongolajn suvenirojn.

Trajno tra la Gobi-dezerto kaj vojaĝo per nokta buso alportis karavananojn al Pekino, kie ili tuj renkontiĝis kun esperantistoj el aliaj landoj kaj kune vizitis la Ĉinan Grandan Muron. Kaj fina, lasta sinĵeto – veturo al Nannin kaj al Hanojo. Malantaŭe restis vojo pli ol 8500 kilometrojn longa, la vidindaĵoj de tri landoj, la sukcesoj kaj malsukcesoj, kaj senpreza sperto de vojaĝo per la lingvo Esperanto.

Vadim BISEROV (KN 759)

## RESPEKTO AL MALJUNULOJ

Kiam mi eksterlanden vojaĝas, mi provas sperti la ĉiutagan vivon de ordinaraj homoj. Pro tio el la

nord-okcidenta kvartalo Tay Ho, mi foje trafas buson al la kongresejo. Alia avantaĝo estas ke la buso laŭiras la plej longan mozaikon el la mondo, menciitan en la libro pri rekordoj, *Guinness-libro*.

Kutime la buso ne entenas amason da homoj pro la someraj ferioj. Tamen ĉi-matene multaj pasaĝeroj estis starantaj, kiam mi eniris la buson. La bileto-vendisto tuj petis junulon, ke li ekstaru tiel ke mi eksidu. Apenaŭ petite, jam farite. Je la lasta haltejo, junulo tiris la brakon de la amiko kaj per okuloj signis ke li lasu min unue eliri.

Tiom da atento al mi, ĉu pro mia griza hararo, ĉu pro mia fremdeca aspekto, kortuŝis min kaj donis belan koloron al mia tago.

Franciska TOUBALE (KN 634)

<*kontribuo*> **Hanojo**

Flavbrilas plenluno
Sur Vjetnamio.
Tombejoj kuŝas
Kiel lulkanto
Inter rizkampoj.
Mortintoj do Prizorgas vivon.

Mari Nazaré Carvalho LAROCA,
Brazilo (KN 565)

**Helpu min!**

Mi serĉas mian nigran Sony-ciferan sonregistrilon, kiun mi perdis postagmeze de ĵaŭdo, iomete post la 4a. La aparato estas 10 cm × 2.5 cm grand kaj 0.8 cm dika. Mi funkciigis ĝin dum la oratora konkurso en Funkcia Ĉambro 3. Tuj poste mi iris al la evento en Ĉambro 5, kaj tie mi ekkonsciis ke mi ne havas la registrilon. Poste mi reiris al Funkcia Ĉambro 3, sed nenion mi povis trovi tie en tiu momento. Se vi trovis/os ĝin, informu min:

Franklin MONTENEGRO (KN 654)



nia prezidanto, Probal DASGUPTA, desegnita de vicprezidanto de Vjetnama Esperanto-Asocio, TRAN Quan Ngoc

## Ĉu vi ne perdis ringon?

Oni trovis ringon en la kongresejo. Vidu la subajn fotojn. Se la ringo estas via, venu al la Ĉambro de LKK.





## Kongresaj flagoj kaj informaj strat-bendoj

Kiel mi jam informis vin pri verdaj flagoj en la 4a numero, en Hanojo vi trovas multajn flagojn kaj informajn strat-bendojn (banderolojn). Kiom da flagoj kaj kiom da bendoj oni preparis por la kongreso? Mi povis scii nur, ke oni preparis mil bendojn, sed pri flagoj neniu LKK-ano scias.



(dĉ)

**korekto**

n-ro 4, 11a linio, Berverling → Berveling

**El la redaktejo**

Pri "Loa!" ni klarigis en la unua numero, sed multaj ofte demandas, kio estas "Loa!" Do ĉi tie denove ni citu la klarigon en la unua numero.

– Loa estas konika ilo, uzita en la pasinta tempo por orientigi kaj laŭtigi la parolon, kiu fariĝas pli facile kaj klare aŭskultebla. Reprenante la kutimon de reĝo-kurieroj kaj vilaĝa publika kriisto, Teŭĉjo, la prezentanto en surakva pupteatro, antaŭ ĉiu anonco, ĉiam laŭte diris: "Loa!.. Loa!.. Loa!.." por atentigi la aŭdintaron.–

Ni elkore dankas vin pro viaj kunlaboroj kaj deziras, ke via hejmeniro estu sen granda problemo. Ni revidu nin en la venonta kongreso!

DOI Ĉieko <doi-cik@seaple.icc.ne.jp>
NGUYEN THI Ngoc Lan <ngnglan@gmail.com>

Loa!.. Loa!.. Loa!..
Kongresa kuriero de UK-97

N-ro 7
2012-08-15
merkredo

KONGRESA KURIERO DE LA 97A UNIVERSALA KONGRESO EN HANOJO, VJETNAMIO

# Solena Fermo

10:00 –12:00 de la 4a de aŭg.

① prezentado de surpodianoj
② silenta preĝo al forpasintoj
③ raporto pri la kongreso fare de Barbara Pietrzak
④ pri belartaj konkursoj: (n-ro 6)
⑤ pri la oratora konkurso: (n-ro 7)
⑥ publikigo de kelkaj premioj
⑦ raporto de diskutado pri la kongresa temo, fare de Mark FETTES: (n-ro 6)
⑧ ferma saluto de la prezidanto de UEA: (n-ro 7)
⑨ saluto kaj prezentado de LKK-anoj fare de Konstanta Kongresa Sekretario: Clay MAGALHÃES

# Ferma saluto de la prezidanto de UEA

Estimataj kongresanoj,

Dum tiu ĉi evidente sukcesa kongreso, vi ĉiuj, vice de nia asocio kaj pli ĝenerale vice de la internacia movado, intensigis vian rilaton kun la generacie renovigata movado en Vjetnamujo. Vigle vi partoprenis ĉi tiun jubileojaran kongreson. Kvazaŭ por festi la 125-jariĝon, agante pere de via deputitaro, la Komitato de UEA, vi ŝanĝis la regulojn, per kiuj estas elektataj la estraroj. En Rejkjaviko vi elektos novan estraron. Anticipe al tiu ŝtupo, vi nun rigore debatas pri la strategio, kiun la asocio sekvu ekde 2013. La strategia forumo ĉi tie intensigis la debaton. Kiel ni komprenu la simbolan valoron de la fakto, ke tiel grava debato apogeas en lando kun renoviĝanta movado?

Alia Vjetnamujo en la sesdekaj jaroj, sur planedo vidata alimaniere, spronis rekomprenon de la senco de la internacia lingvo ĉe la esperantista junularo. El tiu momento venis grandega redirektiĝo de la streboj de UEA mem. Sed en 2012, ni jam ne plu loĝas sur la planedo de 1968. Ĉiuj klarege komprenas post Rio kaj Rio+20, ke la tero ne subtenos la universaliĝon de la konsumisma vivstilo. Hodiaŭ ni tial denove atendas la gvidadon de homoj dotitaj per la kuraĝo de juneco. De homoj pretaj sin plenkore dediĉi al serioza profundigo de nia mondo-ŝanĝa vizio. El ilia rekomprena laboro nature sekvos pli efika versio de la esperantista strebado. Ĉar tian version vere komprenos kaj plenkore partoprenos la ĝenerala publiko en nia epoko.

La laboro serioze rekompreni la sencon de Esperanto kaj de la esperantismo sur la institucia kaj mobiliza nivelo ja estas farata en publikaj diskutoj. La ĉi-foja strategia forumo, malgraŭ la relative limigita diskutantaro, fartis pozitive. Sendube efikis partoprenemige sur niajn vjetnamajn gejunulojn la ebleco ĉeesti tian ŝlosilan procezon, kiu havos signifajn sekvojn en la tuja fazo de la itinero de UEA. En la dialektiko inter la esperantisma movado kaj la Esperante parolanta popolo, la strategia akso restas tre grava por la movado, kaj nia kono de tiu akso ege riĉiĝis dum la hanoja kongreso.

Kion tamen diri pri la popola poluso el tiu duopo? Kion ni post la kongreso pli klare vidas pri la Esperanta popolo?

Persone dirite, al mia kompreno pri tiu popolo plej rekte kontribuis la IKU-prelegoj de Humphrey TONKIN kaj Mark FETTES. Se vi ne ĉeestis ilin, vi povas legi la tekstojn en la IKU-libro. Tre resume dirite, Tonkin proponis, ke sub nia poezio kuŝas tavolo ideologia, kiun vole-nevole reeĥas eĉ la poetoj provantaj verki tute private, persone, ekster-movade; kaj Fettes prezentis perspektivon pri lerneja instrumaniero, kiu inicas la infanojn en daŭropovan, medio-prikonscian lernadon sub intime natur-partneraj kondiĉoj.

Tiujn du prelegojn kunligas temo, por kiu mi proponas la nomon Serioza Teraneco. Laŭ mia interpreto, ĉe Tonkin, la teraneco reeĥas la poezion de la pintaj Esperantaj aŭtoroj, kiuj ekzemple donacis al ni la magiajn vortojn “kantas de l’ tero ni filoj”, dum ĉe Fettes, la teraneco aperas kiel samtempe celo kaj vojo por tiu eduka revolucio, kiun la homaro bezonas tuj por povi savi sian karan teron. Sinsekve aŭskultante Tonkin kaj Fettes, oni eksentas, ke la Esperanta popolo estas avangarda portanto de kerna ideo necesa por tiu revolucio – la ideo de la serioza

teraneco.

La seriozaj teranoj ne estas simple kaj ŝablone pacamaj, amikaj, pontofaraj, intertraktemaj. Ili ankaŭ komprenas, kial necesegas draste transformi la lernejajn aranĝojn, ene de kiuj edukiĝas niaj infanoj. Por vidi tion, relegu la tekston de nia himno. Estas seriozaj teranoj tiuj, kiuj senmanke komprenas, kiom do la belaj sonĝoj de l' homaro, la imagpovo, la poezio gravas por ebligi la senbreĉan transdoniĝon de esencaj valoroj al fantaziemaj infanoj. Komprenas, kiom do la revoj gravas por ke kreiĝadu novaj valoroj ĉe imagemaj plenkreskuloj. Ne pro nenio nia poeto kaj pedagogo Marjorie BOULTON, ekzemple, elektas librotitolon *Faktoj kaj fantazioj* kaj intence ridindumas pri sia katmanio. La plenkreskado de seriozaj teranoj kiel ŝi neniam perdigas la plenan kontakton kun la planedo – kaj kun nia homa mondo, kaj kun natura tero apartenanta egale al homoj kaj katoj.

Mi diris "serioza". Mi ne diris "solena". Marjorie BOULTON estas tiel serioza, ke ŝi kapable ridindumas pri si mem, kaj ŝia memkarikatura stilo inspiras la brilan pajacadon de Fraŭlino Barlastono. Ni Esperantaj popolanoj estimas Boulton ne 'malgraŭ' sed kune kun tiu ŝia ĉirkaŭnebulo de sinprimokado. La plej seriozaj teranoj estas tiel fortaj, ke ili facilege ridas pri si mem.

La temo de Boulton portas min al azia poeto, kies heredaĵo peris mian konatiĝon kun ŝi. En 1977, tuj post la apero de elektitaj poemoj de la bengala aŭtoro Robindronath TAGOR en mia esperantigo sub la titolo *Primico*, Boulton faris tre afablan pozitivan recenzon de mia traduko. Ĉirkaŭ tiu momento, Boulton kaj mi ankaŭ persone konatiĝis dum la rejkjavika UK, kaj mi mencias tiun fakteton nur ĉar ni ĉiuj jam pensas pri la denova UK okazonta en Rejkjaviko.

Tagor – kies poezion mi tiam ĵus tradukis kaj pri kiu Boulton profunde pensis kaj sentis por povi recenzi min – restas treege grava referenco por la pensoj, kiuj nin okupas ĉi-matene. Li vivis ikone ekzemplan vivon de serioza terano. Li estis fekunda poeto, kiu ne nur verkis dekmilon da poemoj, sed pro eksplicite la sama impulso funkciigis dum kvardek jaroj lernejon kaj dum dudek jaroj internacian universitaton, Visvabharati. Tiu institucia domarejo – ĝis hodiaŭ funkcianta – situas en Santiniketan, kampara loketo cent kilometrojn norde de Kolkato. Tagor havis la kuraĝon deklari, ke li stiras poetan lernejon kaj poetan universitaton, kie liakomprene la poezia spirito faros el tiuj studejanoj verajn, naturamajn teranojn. Li tre riĉe evoluigis la bazon de tiu kolektiva vivado, kie la personoj lernas kultivi sin kaj partneri kun la homa kulturo kaj la tera naturo ĉirkaŭ si. Tagor komponis kantojn laŭ la sezonoj, kreis arboplantajn festojn, verkis kaj reĝisoris teatraĵojn por vigligi la lernejan kaj universitatan vivon, pentris, kaj sukcese kuraĝigis siajn junajn gekunulojn persone kaj kolektive aventuri por malkovri sian plenan potencialon en partnereco kun la naturo. Li ne nur gajnis la Nobel-premion por la literaturo en 1913; li ankaŭ fondis en 1921 Visvabharati, la unuan internacian universitaton en la homa historio, kaj havis la kuraĝon insisti, ke la du entreprenoj estas intime interligitaj.

Niaj vjetnamaj gastigantoj bonvolu atenti, ke Tagor ne akceptis la rajton de la nordaj landoj – tiutempe rolantaj kiel koloniestroj – dikti la koordinatojn aŭ la enhavon de internacia dialogo. Li laboris por starigi propran, sudan bazon por tiu dialogo, renversante la logikon de la glavo sangon soifanta. Tagor vizitis plurajn landojn ankaŭ en Azio kaj Sudameriko, starigante longperspektivajn konversaciojn kaj interŝanĝojn surbaze de egaleco inter la popoloj kaj aprezado de historiaj rilatoj rekonstruendaj post la imperiismoj. Kvankam li ne mem lernis Esperanton, li estis amiko de la ideo. Kiam li sendis junan instruiston de manlaboro nomatan Lakshmiswar SINHA al Svedujo en 1928 por ricevi trejniĝon pri tiufakaj instrumetodoj, Tagor estis tre kontenta aŭdi, ke tie Sinha lernis ne nur la plej aktualajn metodojn sed ankaŭ Esperanton. Multaj el vi scias, ke Sinha havis brilan esperantistan karieron, sed ne scias, ke lia ĉefo Tagor ĝis sia morto en 1941 ĉiam rilatis pozitive al liaj Esperantaj agadoj.

Precize kial mi prezentis tiel detalan bildon de tiuj personoj? Ĉu nur pro tio, ke Sinha estis mia Esperanta mentoro? Mi ja ne volas malagnoski tiun fakton aŭ ĝian gravecon. Sed estas ĉiuokaze necese, ke mi konkrete montru al vi ekzemplojn de seriozaj teranoj aldone al Zamenhof – Boulton, Tagor, Sinha. Nur per ekzemploj vere klariĝos al vi, kio do ligas por mi la inter si tre malsamajn IKU-prelegojn de Tonkin kaj de Fettes.

Ne miskomprenu, mi petas. Mi ja ne volas diri, ke nur esperantistoj estas seriozaj teranoj. Tagor estis serioza terano, kaj li neniam lernis Esperanton. Mi volas diri, ke esperantistoj povas fari el si universale rekonatan avangardon en la entrepreno de la serioza teraneco. La esperantistoj estas naturaj pedagogoj, kaj devas nur lerni kiamaniere eliri el la neuniversaligeblaj naciaj pedagogioj, en kiuj multaj el ni trovas nin kaptitaj.

Mi espereble sukcesis konvinki vin, ke nur kultivante la spiriton de la poezio la pedagogoj inspiros la infanojn al tiu nova tipo de homeco, kiu propra-

mane esploros la teron, amos ĝin, deziros konservi ĝin kiel loĝeblan planedon, kaj lernos en reciproka estimo loĝi sur tiu tero kun aliaj homoj malsame esplorantaj la propran poezian spiriton. Se Esperanto estas lingvo trempita en la poezio – se ni parolas esence poezian lingvon, kaj se do nia konata mal-praktikeco estas fakte virto kaj ne handikapo – tiam ni povas tute logike konkludi, ke la esperantismo povas kaj devas sin evoluigi kiel edukan movadon kun lerneja fokusiĝo, preter la nuna limiĝo al la instruado nur de Esperanto mem.

Niaj gastigantoj, proponante la kongresan temon, komprenis sub la vorto 'disvolviĝo' la nacian ekonomian disvolviĝon. Se ni aldonas al tiu termino la nuancojn de la persona kresko, vi tuj vidos, ke fakte la kongresan temon mi miamaniere altraktis dum tiu ĉi parolado. Ĉu miaj vortoj estis al vi senutilaj? Mi petas do vian pardonon, kaj sugestas, ke vi rigardu ĉi tion kiel eseon pri la temo "Kiamaniere mi trovis la kongresan temon ege esplorinda". La vera paco devas fonti el paco ne nur inter homo kaj homo, sed el paco inter homo kaj naturo, kaj tio povas okazi nur se ni funde transformas la koncepton de eduko mem. Ĉar Esperanto estas la lingvo de la paco kaj amikeco, ĝi devos finfine laŭ mi trovi vojon al tia ĉi vizio de amikeco inter la natura medio kaj ĝiaj homaj loĝantoj. Kun la espero, ke iuj el miaj vortoj renkontos ĉe vi konsenton, mi dankas vin pro via atento.

Probal DASGUPTA

## raporto pri la faka kunsido "Ŭonbulismo"

09:00 – 09:45 de la 2a de aŭg.

Koredevena budhisma religio Ŭonbulismo havis fakan kunsidon sub la gvido de ŭonbulisma pastrino Sveka CHONG.

Korpe kaj mense ekzercante sin en meditado-gimnastiko (gvidate de HAN Sookhee) kaj en sidmeditado, (kun prezentado de OH Soonmo), ĉeestantoj ĝuis la kunsidon kaj ĵetis demandojn pri la religio Ŭonbulismo.

raportis LEE Jungkee (KN 229)

## raporto pri la filmo "Tibor SEKELJ"

14:00 – 15:00 de la 2a de aŭg.

Kvindeko da spektantoj ĉeestis ĵaŭde en la prezentado de la filmo "Tibor SEKLJ: De Akonkagvo al Unesko". Ĝi baze konsistas el la aŭtoritata prelego donita de Spomenka ŠTIMEC dum la pasintnovembra Malferma Tago en la Centra Oficejo de UEA. Sed por doni al ĝi tuŝon de dokumenta filmo, "io nepra en la Jaro de Tibor SEKELJ", laŭ filmisto Francisco L. VEUTHEY, "necesis tre bone ilustri ĝin kaj parte ankaŭ reorganizi la gramatikon de la prelego". La laboro daŭris du monatojn kaj kvankam la son-kvalito de la salono ne estis plene ideala, la kvindeko da ĉeestantoj tenis sin fidelaj al siaj seĝoj. La filmo estas montrata en kluboj kaj donas bonan okazon kleriĝi pri la vivo de la grava esploristo kaj aŭtoro de la dua Unesko-rezolucio favora al Esperanto. Ĝi estas ero de la Reta Kinejo de UEA kaj estas spektebla ĉe: http://vimeo.com/36402930

raportis Silvia ROTTENBERG (KN 845)



## Oratora Konkurso

14:45 – 16:15 de la 2a de aŭg.

Kuraĝe partoprenis la oratoran konkurson 7 kandidatoj el 6 landoj.

La unuan premion ricevis Michael BORIS MANDIROLA (Italio) kiu verve oratoris pri la temo "Esperanto en Interreto". La dua premio iris al Rafael ENRIQUE ZERBETTO (Brazilo), kiu elektis la temon "Esperanto – ponto al paco, amikeco, kaj disvolviĝo", kiu ankaŭ estas la kongresa temo. Trian premion ricevis LEE You-kyung el Koreio; ŝi teatrece parolis pri "la drako: ĉu timiga, ĉu alloga simbolo?" Honoran mencion ricevis Jérémie



SABIYUMVA (Burundo), kiu parolis pri la kongresa temo.

raportis Brian MOON

## raporto pri LIBE-Kunsido

17:00 – 18:00 de la 3a de aŭg.

Ligo Internacia de Blindaj Esperantistoj (LIBE) akceptis plurajn interesatojn fine de la sesa kongrestago. Sin prezentis 15 personoj el 8 landoj. La rolon de la ĉ.-400-membra LIBE skizis la kasisto Pier-Luigi DA COSTA (KN 620): ne vere por sin izoli de la aliaj esperantistoj oni fondis la Ligon, sed por pli facile informi unuj la aliajn pri novaj helpiloj kaj teknikoj. La propra organo "Esperanta Ligilo" aperas ekde 1904 brajle kaj lastatempe ankaŭ interrete. Sed gravas la persona kontakto en la Internaciaj Kongresoj de Blindaj Esperantistoj (IKBE), ĉi-jare okazinta en Ukrainio.

Tamen, ĉar Interreto faciligas la informinterŝanĝon, la kongresoj nun pli servas amikecon kaj kulturajn interŝanĝojn.

La gastigan landon reprezentis s-ino NGUYEN Thi Ngoc Lan, kiu rakontis, ke ŝiaj ĉ. 80 blindaj Esperanto-kursanoj ĝenerale post la kurso reiras al sia hejmloko: malfacilas ilin retrovi dise en la lando. Por la nuna kurso ŝi ricevis materialojn de JABE (Japana Asocio de Blindaj Esperantistoj). La sola ĉeestanta, s-ro Phan Ngoc Cung (KN 370) kiel muzikisto jam partoprenis en la Solena Inaŭguro, gitare kaj en la ĥoro de junaj vjetnamoj. Tre bonvenus por lia plua studo brajlaj angla-Esperanta vortaro kaj legolibroj. Rilate la ceterajn vjetnamajn kursanojn de s-ino Lan, s-ro Da Costa rimarkigis ke eĉ senpage LIBE membrigas ilin, kondiĉe ke ili sin anoncu por LIBE-aneco: tiel ili ricevos la organon brajle aŭ rete por subteni sian lingvonivelon.

LIBE krome eldonis la memlernolibron de la redaktoro de "Esperanto", Stano MARĈEK, "Esperanto per rekta metodo" en brajlopreso.

El la ceteraj ĉeestantoj Jytte SUNEKAER (KN 464) salutis la ĉeestantojn nome de du danaj blinduloj.

La japano YAMANO Yutaka (KN 541) antaŭ 8 jaroj vizitis Hanojon kaj disponigis la blindulan asocion pri brajla presmaŝino. Nun li trovis la personaron altgrade kapabla, sed la aparato difektiĝis. Alia japano, HIKITA Akio (KN 522), lernis Esperanton antaŭ jaro (kaj parolis tute flue!), emeritiĝinte kiel la estro de lernejo, kiu sukcese okazigis memorfeston pri la fama rusa/ukraina aŭtoro Vasilij EROŜENKO.

Malajzia esperantisto, CHUI Lai Eng (KN 773) venis kun la celo ekscii kiel komenci agadon por sialandaj vidhandikapuloj.

Interesiĝis ankaŭ unu el la junaj vjetnamaj kongresaj helpantoj, s-ino PHAM Minh Trang (KN 309). Aldo GRASSINI (KN 615) povis informi la polan eldoniston Jan SKONIECKA (KN 175), kiel ekhavi desegne reliefigeblan plaston, bezonatan por lernejo de blindaj kaj surdaj infanoj en Bydgoszcz, Pollando.

Entute vigla kaj informriĉa kunveno, gvidata de s-ro Da Costa.

Raportis Rob MOERBEEK (KN 53)

## raporto pri "Surakva marioneto" prezentita en Esperanto

18:30 – 19:30 de la 3a de aŭg.

Okazis surakva marioneta prezentado en la Surakva Pupteatro Thang Long, kadre de la 97a UK. 200 partoprenantoj estis invititaj de UEA por spekti la prezentadon. Kvankam ĉi tiu nombro ne reprezentas la tutan spektantaron, la teatro prezentis la programon dulingve, en la vjetnama kaj en Esperanto por festi la eventon.

Ĉe la unuaj ŝtupoj de la ŝtuparo, Teŭĉjo ternante ŝildon kun la vortoj "Bonvenon al la 97-a UK" kaptis la koron de la alvenintoj. La programo de la spektaklo, tute originala, kun karakterizaj trajtoj de la vjetnama kamparo donis profundan impreson al la spektantaro, precipe fremdlanda.

Komisiono pri Informo de VEA




## Tago de Vjetnamio

13:00 – 13:30 de la 29a de julio

En la inaŭgura ceremonio de "la Tago de Vjetnamio", la Vjetnama Unio de Amikecaj Organizaĵoj transdonis memormedalon "Por paco kaj amikeco inter la popoloj" al 8 internaciaj geamikoj, kiuj pro sia laboro, kontribuis diversmaniere al la plifortigado de amikeco kun Vjetnamio:

Probal DASGUPTA (Hinda Unio), Baldur Ragnarsson (Islando), HORI Jasuo, SAIKI Akira, USUDA Reiko (Japanio), Franciska TOUBALE (Aŭstralio), Katalin KOVATS (Hungarujo), Ivanka STOYANOVA (Bulgarujo).

Post la ceremonio, sekvis serio da prelegoj pri Vjetnamio.

13:45-14:15

**"Vjetnamio survoje al renovigo kaj konstruado de la Lando"**. Pri la lando Vjetnamio prelegis la reprezentanto de Vjetnama Unio de Amikecaj Organizoj.

14:30 – 15:15

**"Ho Chi Minh kaj Esperanto"**. Prelegis TRAN Quan Ngoc, ke Onklo Ho konis kaj parolis Esperanton.

15:30 – 16:00

**"Vjetnamaj Medicinaj Plantoj"**. NGUYEN Xuan Thu prezentis simplajn kuracajn plantojn kultivatajn en hejma aŭ komuna ĝardenoj por kuraci komunajn malsanojn kaj ankaŭ rimedojn el medicinaj plantoj rezulte de scienca esplorado, produktitaj je industria skalo por kuraci gravajn malsanojn. La prelego estis ilustrita kun realaj specimenoj de kuracaj plantoj. Post la prezento, multaj homoj demandis pri specifaj kuracaj plantoj, kaj pri adresoj de institucioj, kie malsanoj estas kuracitaj per medicinaj plantoj kaj tradicia medicino.

16:30

**Plantado de arbo omaĝe al la 97a UK**: legu n-ron 3 de la kuriero.

14:00 – 15:00 de la 30a de aŭg.

**Vjetnama Tradicia Robo – Aŭzajo**: legu n-ron 5 de la kuriero. Prelegis LAI Thi Hai Ly.

12:45 – 13:45 de la 2a de aŭg.

En la kadro de la Tago de Vjetnamio, sed aranĝita por alia tago, la prelego **"Vegetarismo: Ne nur dieto, sed ankaŭ plezuro kaj arto"** altiris vastan aŭskultantaron, kiu estis invitita gustumi (senpage) artisme prezentitajn vegetarajn manĝaĵojn. (legu la suban artikolon.)

11:30 – 12:15 de la 3a de aŭg.

**Quoc ngu, la moderna skribsistemo por la vjetnama lingvo**. Prelegis HOANG Ngoc Boi.

raporto de Informada Komisiono de VEA

---

## raporto de la prelego pri vegetarismo

12:45 – 13:45 de la 2a de aŭg.

S-ino LUONG Ngoc Bao prelegis pri la temo: vegetarismo, ne nur dieto sed ankaŭ plezuro kaj arto. Dum sia prelego, ŝi ankaŭ prezentas tri pletojn de vegetaraj pladoj kun malsamaj prezoj. Post la prezentado, spektantoj estas invititaj gustumi senpage la prezentitajn manĝaĵojn.

Informada Komisiono de VEA



---

## Internacia Arta Vespero

19:30 – 21:00 de la 3a de aŭg.
prezidis Mireille GROSJEAN el Svislando

El Belgio:
Marc CUFFEZ (du kantoj en la nederlanda)
Tri programeroj el Japanio:
UKITA Masaharu "Adiaŭ mia ĉevalo" per ŝakuhaĉo
SHIOMI Motohiko muzikis per arbofolio: "Kanto de ŝipisto de Rivero Mogami"
JAMADA Tadaŝi kantis la kanton "Sakura"
Ni studu nian literaturon.
Jen poemo "la Vojo" de Zamenhof
Unue deklamita de Graça Eliana Thuler SANTOS el Brazilo
Due kantata de KITAGAWA Hisasi el Japanio
Ni restas en Azio por spekti
El Ĉinio
GAO youming dancis "Tintsonoras Font' "
Ni saltu al Ameriko
Neil BLONSTEIN el Usono kantis kun gitaro, "Ĉu vi volas danci?"
Kaj ni iru suden al Brazilo
Kantado: "Almenaŭ" de Dirce SALES
Deklamado, "Sonĝo" de brazila duopo: Mandel Borges Dos SANTOS
Kantado "Dankon Zamenhof" de Maria LAROCA, kaj aliaj
Kantado kun gitaro de brazila kvaropo
Afrika kvaropo
Kantado "Malaika"
Ni ne forgesu, ke ni estas nun en Azio. Jen nepala grupo: kantado kaj dancado de popola kanto
Indonezia grupo dancis

Vjetnama grupo kantis kaj dancis, "Ĝojo" kaj "Bambueto"

Koruso: du kantoj




**partoprenantoj en P1 (Postkongresa ekskurso 1) al Ho-Ĉi-Min-urbo kaj Kamboĝo, en 05-08 de aŭg.**



**partoprenantoj en P2 (Postkongresa ekskurso 2) al centra kaj suda Vjetnamio kaj Kamboĝo en 05-11 de aŭg.**

## Trovita, la posedanto de la ringo!

En la 6a numero de *Loa!..Loa!.. Loa!..* ni informis vin pri la ringo trovita en la kongresejo. Post la kongreso oni informis, ke la posedanto estas koreino. Estas decidite, ke mi redonos la ringon en la 99a Japana Esperanto-Kongreso en Sapporo, okazonta oktobre, al iu koreino, kiu partoprenos en la kongreso. Ŝi transdonos ĝin al la posedanto. Do tiel la afero estas solvota/ita, kaj la internacia vojaĝo de la ringo finiĝos senprobleme. Dankon pro la kunlaboroj de vjetnamaj kaj koreaj geamikoj.

DOI Ĉieko

## El la redaktejo

Tuj post la UK mi volis eldoni ĉi tiun numeron, sed pro multaj aferoj lasitaj hejme dum la UK tio ne eblis. Nun mi ĝojas, ke mi finas la laboron. Estis ĝoje por mi fari ĉi tiun laboron kun vjetnamaj kaj alilandaj geamikoj. Kvankam mi ne povis reale ĉeesti en abundaj interesaj programeroj, mi ne bedaŭras.

Ĝis revido en Rejkjaviko!

DOI Ĉieko (doi-cik@seaple.icc.ne.jp)